
Meksikia desegno.


# LA NOVA EPOKO

Literatur-Scienca Aldono al
**SENNACIULO**
oficiala organo
de Sennacieca
Asocio Tutmonda

Jaro IX/XIII
N-o 5 (101)
aperas dumonate
15. decembro 1932


# PACON SUR LA TERO K AL ĈIUJ HOMOJ BONFARTON...

*Originalo de V. Riedel.*

### La pacisto.

1916. La germana infanteria regimento n-o 192 estis retirita el la fronto k ĝuis relativan ripozon por mallonga tempo. Ĝuis ankaŭ ripozon sufiĉe da estontaj „nekonataj soldatoj" en la ŝlimo antaŭ Verduno, ĉe Hankur (Hancourt), Avokur (Avocourt) k alie, portantaj la numeron 192 sur la epoletoj, k pli k pli subteriĝantaj pro la piedbatado de kamaradoj pafad-pelataj dum nokta deĵorŝanĝo.

La dua taĉmento de l'5-a kompanio staris laŭlinie. La estro estis instruinta pri la apartaj malfaciloj k singardaj disponoj dum deĵorŝanĝado ĉe la Duomon (Douaumont)-sektoro de l'fronto. Estis nenia dubo pri la kialo. Ĵus la estra vic-oficiro estis duone kriinta k duone englutinta la diversscence utilan komandon: „Staru senmove!"

La jam iom aĝa soldato Saŭpe de la lasta rezervo portis la ŝercnomon „pacisto", ĉar li tedripete parodiis siatempe konatan imperiestran eldiron per jena rimo: „Mi la militon ne deziris, mi nur pro stulto kuniris". Nun li tute ne obeis la komandon. Alterne li ŝovis la dekstran k la maldekstran botojn antaŭ la linion, palpebrumis jen al la taĉmentestro, jen al la subiranta suno k fine al la senmovaj, malantaŭenpremitaj kruroj de l'kamaradoj. Li ne havis intereson por la milito. Li estis laca — entute ĉiam laca.

„La fia kanajlaĉo tie — duoble malbenite! — rifuĝu do en hospitalon, se vi eĉ ne povas regi viajn ostaĉojn!" kriegis la vic-oficiro k kvazaŭ informpostulante al la ĉielo: „Dio mia en ĉielo, kion do mi entreprenu per tiaj letargiaj ulaĉoj ĉe la fronto?"

Saŭpe balancis sian nesufiĉe nutritan korpon jen sur la dekstran, jen sur la maldekstran kruron k palpebrumis nerveme al la malproksimo. Liaj trajtoj k korpa sinteno esprimis plejan indiferenton. La tuta homo estis konsiderebla kiel fasko da nervoj turmentitaj, difektitaj, apatiaj.

### Noktaĵo.

Volu imagi nun: Regas prema, miasma mallumo, netravidebla kiel nigra veluro, sed senĉese fendetata de ekbriloj de artileripafado malproksima. En intertempoj ĝi interrompiĝas ie per la akra lumo de falŝirmil-lumgloboj subite eksaltintaj el la nigra firmamento, kiuj terenŝvebas terurige malrapide. Al tio imagu tiun simfonion de l'milito, kies superrega melodio prezentiĝas per krakegado de proksime eksplodantaj grenadoj k ŝrapneloj, k kies akompanaj akordoj kompreniĝas per la kontinua rulbruo de l'kanonekpafoj k eksplodoj pli malproksimaj. Imagu plue linion da supren kirliĝanta fumego, groteske lumigata en la malproksimo; sennombraj lumraketoj eksaltas el ĝi k malleviĝas kviete, arkforme, blankaj, ruĝaj, verdaj. Ĉeno da ruĝaj saltetas malantaŭen — helpkrio al la artilerio: „Baraĵ-pafadon! Atako."

### La stranga vojmontrilo.

La vasta ruineca elirejo de la malbonfama fortikaĵeto Duomon, laŭeble barita per kulisecaj muroj el sablosakoj, estis grave bombardata. Laŭ mallongaj intertempoj forlasis unuopaj kvazaŭ ombraj figuroj, ŝarĝitaj per tornistroj k garnitaj per armiloj, la sekurigan

# LITERATURO

## *MODERNO*

*Originale verkis V. Oltajd.*

*MIN sorto alforĝos al ŝtormo de l'fajroj,*
*Al kur' rimenita de l'ritmaj motoroj,*
*Al tondroj granitaj, al frapoj de l'maroj, –*
*Torturos orelojn infera ĉi ĥoro.*

*Frenezos la grinco de l'fera kruelo,*
*La streĉoj teruraj de l'kupra vibrado,*
*Kaj inter kamparoj la trajnoj sur reloj*
*Kaj ĉaroj en stratoj preteros sur radoj.*

*En briloj k bruoj, en krioj fieraj*
*Geviroj parole trairos la nigron,*
*Kaj suros la brustojn liter' k numero*
*Kaj klare komprenos mi certon de l'migro.*

*La grizajn konstruojn la karto kvadratos,*
*Viverojn enkadros la ĉambroj k muroj,*
*Kaj kredos la urboj, fabrik-aparatoj,*
*Homaro al normoj de Grando k Puro.*

*Kaj regos la ret' de l'ciferoj en spektroj . . .*
*Sur turo triumfe en gloro k bruloj,*
*Ne reĝoj, sed la burokratoj elektre*
*Prezidos la teron, direktos la rulon.*

*Doktoro severa, malvarma, trankvile*
*Fortranĉos la koron, mezuros precize,*
*La tremon li bridos, ĝin faros sterila**
*Kaj diros murmure: „ĝi firmos senkrize!"*

*Perdiĝos mi en trotuaroj k kortoj,*
*Ĉirkaŭos min raŭkaj k premaj stertoroj,*
*Ĝis turno disrompos kun krako k forto*
*La radojn, la koron, la ritmajn motorojn.*

* Nenaskopova, nefruktoporta.

---

barikadon. Ili eksaltis eksteren en la bruantan, ekfulmantan malhelon; ili kuregis, ĵetis sin teren k avide levis sin en la ŝtonĥaoso de la plene detruitaj eksteraj fortikaĵoj. Ĉe fiksita loko la dua taĉmento de l'5-a kompanio 192 kolektiĝis, precize laŭ la antaŭa instrukcio. Mankis nur du kamaradoj; ili ja mankas ankoraŭ hodiaŭ. Laŭvice, ĉiu pene serĉante la ombrecajn konturojn de la antaŭulo, la tuto malcerte irante sekvis la kondukanton. Subite kvazaŭ ekfloris akre blankaj lumgloboj sur la nigra fono de l'ĉielo, du – tri – ankoraŭ pli – ĝuste super la deĵoronta taĉmento. Gracie ŝvebante laŭ venteto ili superŝutis ĉion sub si per akra lumo. Samtempe maŝinpafado k nervojn paralizantaj fajfado k krakegoj de grenad-eksplodoj ege proksimaj.

Laŭ instrukcio la taĉmento en tiu momento devus esti laŭorde turniĝanta kontraŭ difinitan fervojdigon por ŝirmate atendi tie konvenan pafad-paŭzon. Kiel ofte en la vivo, la teorio fiaskis. Ĉiu tereniĝis plej rapide, kie li ĵus troviĝis, alpremiĝis, ekfosis sin en la kadavre fetorantan ŝlimon. Ekkrioj: „Sanitaristo[1] – – mi estas – – –" k, kvazaŭ dehakite, subita silento.

Kiu falis trafite ĉe tiu loko, ĉu vundita aŭ mortinta, plej ofte restis kuŝanta, fariĝonte „nekonata soldato". Ĉiu unuopa zorgis pri si mem, pensante pli malpli nedifinite: „Nur ne nun – – nur ne ĉi tie – –."

Saŭpe, la pacisto, kuŝis surventre hazarde ĝuste apud la fervoja digo. Io malmola premis kontraŭ lian stomakon, ion volbitan kroĉis liaj manoj. Li levis la kapon. En la brilo de la lumraketoj li ekvidis sur fadeno balanciĝantan kartonon, ĝuste antaŭ siaj rigide rigardantaj okuloj. Sur la kartono estis skribite: AL LA KORPUSA BUĈEJO.

La rigardo de Saŭpe palpis pli alten. Super la neatendita vojmontrilo ĝi trafis en vizaĝon en terurego spasmiĝintan, kun vaste malfermitaj vitrecaj okuloj; vizaĝo, kvazaŭ ŝtoniĝinta dum frenezo-ridado. Larĝe streĉitaj lipoj vidigis du vicojn da dentoj. Malstreĉite pendis sanga brako flanken de la kartontabulo, la dua kuŝis etendite, kvazaŭ montrante, sur la deklivo. La rigardo de Saŭpe glitis malsupren. Li vidis frakasitan kruron k rimarkis, ke li per siaj propraj fingroj ĉirkaŭkroĉis la femuron de la alia – k malmola soldatboto premis kontraŭ lian stomakon.

Nur nun la pacisto konsciiĝis pri la abomena kadavro-fetoro, kiun haladzis la stranga vojmontrilo. Ne atentante la pafadon, li saltleviĝis k kuris flanken. Skuate de teruro k naŭzo li kraĉis ĉiuflanken – „fi! – fi! – neniam ree – neniam – estu finita ĉi tiu fiaĵo!" Saŭpe plorhurlis pro naŭzo k senpova furiozo.

### La elturniĝo.

Estis vintriĝinte. La lacigitaj, ege eluzitaj restoj de l'2-a bataliono 192 denove „ripozis" en arbareta terkavaĵaro. La tagoj estis pasigataj ĉefe per dormado k pedikĉasadoj. Dumnokte devis esti konstruata pikildratbaraĵo ĉe iu pretigenda defendtranĉeo.

Pike malvarmega vespero krepuskis, kiam estis diskutata en trohejtita kavaĵo la demando: „Kiu alportos la manĝaĵon hodiaŭ?" La pacisto decidis:

„Hodiaŭ mi iros, morgaŭ mi jam ne plu povos."

„Ba – ne plu povos? Kial do ne?"

„Car mi morgaŭ enhospitaliĝos."

Ridado k mokaj demandoj ĥaose intermiksiĝis. „Ho ne – ĉu vere? Vi iros en hospitalon? Do, bonvolu porti vian karan kapon sub la brako! Aspirinon vi povas ricevi ankaŭ ĉi tie!"

Saŭpe silentis. Trankvile li ekprenis la gamelojn k rampis el la kavaĵo eksteren. Vaporanta malvarmo momenton enpenetris k miksiĝis kun densaj fumondoj estigitaj de senĉese k kuraĝe forfumata sekfoliaĵo de germanaj fagoj, kiun liveris la arme-administracio al la soldatoj kiel tabakon.

[1] Persono, kiu havas la taskon bandaĝi k transporti vunditojn. – *Red.*

# KIU RAJTAS FIERI?

Orig. de J. BURGER

*Ne fieru, ke iam naskiĝis*
*vi sur tiu ĉi parto de l'ter',*
*ĉar ne vi ja elektis la lokon*
*aŭ la tempon de via aper'!*

*Ne fieru pri via nacio*
*aŭ pri via patria standard';*
*ke estiĝis vi ĝuste nur tie*
*sole estas afer' de hazard'!*

*Sed fieru, se malgraŭ lerneja,*
*religia, nacia nebul',*
*vi konservis la propran pensadon,*
*se aktivas vi kiel bravul'!*

---

La kuirveturilo ĉiuvespere estis veturigata inter la ruinojn de O. Ĝis tie de la arbareto estis preskaŭ unuhora marŝvojo. La pacisto ekkuris saltpaŝante — li bone sciis, kial rapidi. La gameloj interfrotiĝis k klakadis ritme laŭ saltpaŝoj. Atinginte la kuirveturilon, rapidspiregante k ŝvitante li aliĝis la vicon de l'manĝaĵportuloj. Ĵus franca artilerio iomete sondis la lokon per grenadoj. La ĉevaloj stariĝis, la kuiristoj instigis: „Rapidu, — rapidu!" Tegmenta trabaro najbara brulis.

Kun plenigitaj gameloj la pacisto denove ekkuris k saltpaŝis. Ne malproksime de la arbareto li forlasis la vojeton. Sufiĉe flanke li demetis la gamelojn, rapidŝiris de sia korpo la jakon, kamizolon k ĉemizon k duone nuda kuŝigis sin en la neĝon. La brakojn li vaste etendis.

Pace brilis la steloj super li. Li rigardis supren, sed li ne perceptis la grandiozon de la astroj; antaŭ liaj okuloj fantomis putranta kamarado kun pendolanta kartono ĉe la brusto. Sur ĝi estis skribite grandlitere:

FINON!

Saŭpe ne flaris la pur-akran vintran aeron; en liaj flarnervoj neforigeble reflektiĝis la karakteriza atmosfero de ĉirkaŭ Verduno, miksiĝinta el la odoroj de argilo, mielsurogato, ekskrementoj k kadavroj.

Li ne rememoris siajn edzinon k infanojn, kiuj malproksime de li malsatante malprosperis.

Venteto flustris: FINON! FINON! Perditaj ekpafoj ie voketis: FINON! FINON! La tutan pensadon de l' pacisto envolvis nur tiu sola temo: „Finon! Nenion alian ol finon!"

Kontente li konstatis, ke lia korpo ankoraŭ estis malseka pro ŝvito. Liaj dentoj klakadis, sed iel trankviliĝinte li murmuris: Rezulto — — — kia ajn."

### Paco.

En la trohejtita kavaĵo soldato Saŭpe rulturnis sin sur sia supre instalita dormstablo, konsistanta el kvar stangoj, inter ili dratplektaĵo. Liaj fingroj iom post iom varmiĝantaj frenezige doloris. En la kruroj li sentis strangajn pikojn k pezon: ne estis preciza doloro, tamen io minaca, averta. Liaj vangoj k lipoj bruldoloris. Febreca fantazio pentris al li trembrilajn lagojn k ŝprucantajn fontanojn; sed, kiom ofte li avide provis atingi ilin por refreŝigi sin, la lagoj malaperis k la fontanoj fuĝis lin.

De malproksimege, kvazaŭ tra akvo, penetris demandoj en liajn orelojn. Kvankam li streĉe aŭskultis, li ne povis kompreni. Subite ekpuŝis terura voĉo, kiel trombon-eksono de el barelo, al li ĝis cerbo: „Porkaĉo! Se ci nun ne tuj venos malsupren, mi venigos cin!" Samtempe li sentis sin brute tirata ĉe l'piedo. Instinkte li puŝis per la kruroj kontraŭ la atakanto k pene balbutis: „Faru — kion vi — volas — mi estas malsana — —."

Venis respondo: „He — he — kion? malsana? Do, atendu, amiĉjo — ve al vi, se vi morgaŭ ne havos febron . . . !"

Poste nenio plu ol mallumo k ratobruado. La taĉmento estis formarŝinta por konstrui remparon.

Sekvontmatene la pacisto staris antaŭ la regimentkuracisto. Ĉi tiu atenteme purigis siajn ungojn k akcesore demandis: „Temperaturo?"

„Tridek-ok komo ok, s-o regimenta kuracisto!" informis lin la sanitarista kaporalo. Nun iom pli interesite la kuracisto rigardetis la malsanulon, esploris eĉ lian pulson k oscedante, tamen mirige objektive konstatis k decidis: „Hodiaŭ vespere li havos pli — la ulo venos en hospitalon."

Duonan horon pli malfrue la pacisto adiaŭis de siaj kamaradoj. Ŝarĝite per tornistro k fusilo, li ekmarŝis denove — sed ĉi-foje malrapide — sur la vojo al O., por atendi tie la sanitaran aŭtomobilon. Saŭpe ne estis malŝatata; pro tio kun iom da amikeca bonvolo, sed ankaŭ kun sufiĉe da enviemo ĉiu silente opiniis: „Ŝajnas, ke li antaŭsentis tion."

Ili mem ne antaŭsentis, ke jam en la sekvanta nokto gigantaj nigraj vespertoj flugete malleviĝos sur la blankan kovrokusenon de l'pacisto, la teruregaj sovaĝaj uloj kun brilaj segiloj sin ŝtele ŝovos al lia lito por segi la karnon de liaj ostoj. Ili ne antaŭsentis, ke ĉiu defendmovo, eĉ la plej eta turniĝo de man- aŭ pied-artiko eldevigos de li bestecan vekrion k, ke post tri semajnoj plenaj de turmentoj, la kompatinda pacoserĉanto estos trovinta la pacon por ĉiam.

### Finaĵo.

En „herotombejo" la soldato Saŭpe de la lasta rezervotrupo estis enterigata inde laŭ soldata tradicio. Maŝineca, frazoplena prediko, salvoj trans la tombon k fine reiro kun tamtamo de l'regimenta orkestro.

Ĉu ni memoru lin kiel heroon? Ĉu kiel danĝerevitemulon? Ho ne, li neniel estis distinga homo. La okazaĵoj formis lian sorton. Li nur estis simplanimulo, pli k pli pereigita de la sistemo, ĝis plena indiferento pri la ligiloj de l'vivo k majesta sekreto de l'morto — viktimo de la milito.

Je la kristnaska festo lia vidvino ricevis sciigon de la kompaniĉefo. Kolapso faligis la kadukan, mizeran virinon. Dume la infanoj, kuŝante ankoraŭ en lito, reve pentris al si estonto-bildojn pri la temo: „Kiam nia paĉjo estos reveninta — — —".



# Petro Paĉjo

MARTINO FER (FEHR).

PETRO Paĉjo estas duonebria. Li sidas apud rivereto, k lia kapo funebre pendas inter liaj genuoj. Petro Paĉjo amas ĉion, kio estas likva.

Jam estas aŭtuno. La ĝangalo ambaŭflanke borderanta la rivereton — dorna interplektita barilo el rubuso, kverkaĵo, altherbo — apenaŭ foje permesas libere atingi la fluon. La ĉifonita foliaro de la rubuso jam koloraspektas kiel ĉielarko; nigraj brilaj beroj sinkaŝas inter la multkolora foliaro. Neniu ilin rikoltas ĉi tie; ili forputras, krom eble unu iam kaptata de urbano. Preter la longa ĝangala heĝo, dekstraborde, inertas kampara vojo, bruna—mola—plugita de ĉevalpaŝo — k sulkigita de la premo de malgraciegaj kamparanaj ĉaroj. Apude sin etendas vasta paŝtejo, barita per pikildrato k, je distanco de ĉirkaŭe duonkilometro, ĉirkaŭata de arbaro same jam ekhavanta koloraspekton de aŭtuno. Sur la paŝtejo kaŭre kunas — kvazaŭ kompaktas bovinaro ŝajnanta de fore kiel senmova nigre-blanka makulo gluata sur la grundon. Sendube ili sentas, ke io malgaja saturas la atmosferon.

En okcidento la ĉielo flave-ruĝas, — tremetas en stranga ekscito, k diafana haladzo flagras el la tero ĉielen. Spite la nekonvena sezono k la griza egala ombro ĉion kovranta, regas prema varmo. Pli k pli, simile al giganta, muta k senbrua noktobirdo, sin ŝovas supren el la flava horizonto fulmotondra nubo sen preciza formo k ŝirita kvazaŭ ĉifono.

Petro Paĉjo ignoras la ĉielon — ignoras ĉion ĉirkaŭe, ĝis apud li ekpepis pasero — griza, grasa, triviala pasero. Petro Paĉjo ekprenas terbulon k ĵetas ĝin al la birdeto; same li ĵetas ordinaran blasfemon, sen tamen trafigi la unu nek la alian. Tio elvokas lian koleron. Lia dekstra mano ekestas ronda — iĝas pugno — antaŭenĵetiĝas el sub la femuro k postflugas la terbulon, — febre k ekscese tiam gestante en la aero. Petro Paĉjo daŭrigas per insulto, krio k blasfemo, kion li komencis mute, kaŝante la kapon inter la genuoj.

Lia vizaĝo, abomene pufita per troa drinko, subite ekhavas flavan koloron; lia forta larĝa nuko skue moviĝas, k liaj nudaj okuloj malhavantaj harojn ruliĝas en viande-ruĝaj palpebroj k ekbrilas. Lia brusto estas nuda, k nigra koto ĝin kovras. La du ekstremoj de ruĝa naztuko ligita ĉirkaŭ la kolo pendolas sur la kota brusto ĉe ĉiu ekmovo de la brako, kiel kurteno en vento. Ankaŭ la dekstran manikon tegas krusto el koto, kvazaŭ ie li estus falinta en marĉeton sur vojo, kiu dume sekiĝis sur la maniko.

Mallaŭte, kun plorema voĉo, kiel pia islamano preĝanta, Petro balbutas — murmuretas, — sekvas ekrido, abrupta kiel subita klako; — silento — mutado — rea murmuro. Li karesas la boteleton apude antaŭ la bordo de l' rivereto kuŝantan, el kiu antaŭ unu horo li sorbis la lastan guton. „Nenio plu", li ekĝemas kun flegma rezignacio. Kaj en recitativa monotono li nomas sin fiulo — fripono — diboĉulo ktp, kun foja rideto, kvazaŭ li diris dorlotaĵon. „Vere mi estas fiulo, — gratis okulojn de Kristo bona per mia ungo; — fiulo, ja — monon por pano donis por drinko. Kaj li — li estas fiulo, — porketo estas fiulo — dormas en silka lito, — ho ve." —

Petro Paĉjo ridetas, imitante dormon, sur genuo — ... „dormas en silka lito" li flustre k ĝue ripetas. „Kaj etaj Karlo, Berno, Gerdo? — Ho, mia Diopanjo. Karlo malsatas, — Berno malsatas, — Gerdo malsatas; — devas frapi de pordo al pordo, teni la manon k fleksi la dorson. Tio estas laciga, fleksi la dorson, — k hontiga, — fleksi la dorson antaŭ porketo. Pli bonas kraĉi antaŭ porketo. Ha, ha, kiel faris Petro Paĉjo. — Ĉu mi estis sobra? — — Mi estis ebria. Mi mensogetis; Petro Paĉjo mensogetis nominte sin sobra. Nu, ĉu? Estas la fino!"

Lia trunko kiel peza sako refalis sur la sinon, k lia kapo rependiĝis inter la genuoj.

Hieraŭ Petro Paĉjo kverelis kun sia mastro, posedanto de drapofabriko, — Petro estas teksisto. Ebria laŭ sia temperamento li insultis la posedanton — batis lin, tuj li estis maldungata.

Sed tiumomente — laŭ sia aserto — li estis sobra. Eĉ li mem ne komprenis, ke, subite, nerezistebla logo lin incitis insulti la maljunan diboĉulon kun la barela ventro k la malbela, tordita faŭna kapo sur malgracia korpo. Iu „diablo" lin logis triumfi almenaŭ dum unu — unu dolĉa korbato super tiu „dika cimo" (kiel oni kaŝe nomis la posedanton). Unu momenton lin konfuzis la rava sento: premi la „cimon" sub sia piedo, teni lin firme — firme — kreve. Kaj li fermas la okulojn, ĝuante la ravon de tiu ĉi paradiza momento, kiel vinspertulo gustumanta kortuŝan vinon.

Kaj tiam, sekve de tiu tento, okazis la fatala sceno: Petro Paĉjo rektiĝis antaŭ la mastro, pluvigante sur lin rigardon kiel faskon da fulmoj, k parolis proksimume jene: „Ĉu vi pensas, ke ankoraŭ mi petas — min humiligas antaŭ vi? Ĉu vi pensas, porketo (ankaŭ tio estis finomo de la mastro)? Ĉu vi pensas?! Ĉu vi atendis, ke mi lekus plandon vian, tiele kuŝante sur la ventro (k li kuŝiĝis sur la ventron k rapide reeksaltis). — Kiel vi dentotremas, estimata porketo! — Ĉu plaĉas al vi tiu nomo, — ĉu? — Kiel vi tremas, — k subite via maneto lamas. Lasu k mi tenu vian maneton, k — karesu. Ĉu ne, porketo, — karesu. Kio do? Ĉu vi pensas, ke mi estas ebria? Mi ne estas ebria. Mi estas plenforta k sana. Mi povus vin levi sur mia manplato plafonen, — k de tie saltigi vin planken, ĉu ne? — Kiel vi palas, porketo, — levi vin plafonen, — k saltigi vin planken. Kiel krakos la ostoj de porketo! Mi ja rajtas vin puni, — ĉar mi nek batos nek frakasos vin de sur la plafono planken, — mi punos vin. Vi ja meritas punon. Ĉar vi trinkis sangon. Etan apenaŭ senteblan anticipan punon, ĉar la konto de via turmentado tiel grandegas, ke ĝi ne povas esti kvitata per ĉi tera puno. Vi meritas punon de l' infero. Dio bona postulas, ke vi ekhavu punon de l' infero. Ĉar vi rikoltas k fordiboĉas, kion mi semis klinirante sub ŝarĝo k dronante en ŝvito. Kiam do mia mano vin trafas, sciu, ke estas la mano de Dio, kiun mi anstataŭas."

Tiuomente, la peza laborista mano de Petro Paĉjo brulige klakis sur la vangon de la mastro, k krome li kraĉis sur la falinton.

Ne pluatendante, li impetis eksteren, — kriis, kurante trans la korton, kiu situas inter la kontoro k la teksejo, — k, sidante antaŭ sia teksilo, li ekploris — ploretis kiel infano.

Sen eĉ eta rezisto li lasas sin ekkapti de du (speciale pagitaj!) viroj, — bati — puŝi antaŭ la pordegon de la fabriko.

Kial tiu skandalo? — Petro Paĉjo bezonis etan kapitalon prunteprene, por povi inde k honore festi



Desegno de Karlo Sulc-Kolonjo.

la unuan komunion de sia dua filo (lia mizera salajro ne ebligis eksterordinaran elspezon). — Li ne ricevis. La mastro lin mokis, — la mastro ne kredis je Dio, — li kredis je sia profito.

Tiam Petro Paĉjo iĝis ebria pro kolero.

Depost hieraŭ je ĉirkaŭe la sesa, Petro Paĉjo sidadas ĉi tie sur la eta deklivo inter la vojo k la rivereto, — ventron sur sino, — kapon inter la genuoj, — la stomakon en akraj ribeloj; — sen pano — sen penso — sen brando.

Ekfulmis, — fore ankoraŭ, tamen sen tondro. Vastis ĉirkaŭe peza malgaja silento. La rivereto murmuris melankolie. Kelkaj larĝaj glue-brilaj folioj de branĉeto de alno kreskanta sur la transa bordo, balanciĝis super la ondoj k siblis, tuŝante la fluon. Preter la bordo, ĉi tie libera je kvinmetra longo, densis alta parte jam fojniĝinta herbo. — Aro da paseroj brue ĉirpante sin faligis en apudan arbetaĵon elstarantan el la ĝangalo.

Petro ekridetis en apatia embaraso.

„Kien min direkti?" li diris hieraŭ post la maldungo. Kaj li trotis, sekve de ekpenso, al la kutima drinkejo, — fordrinkis la salajron de la du lastaj tagoj, kiun unu el la viroj estis ŝovinta en lian poŝon, antaŭ ol lin forpeli. Por la resto li aĉetis „provizon" en botelo — Li estis nekutime trankvila, — kaŭris en angula loko k mordetis je sia dekstra dikfingro, sin apogante larĝe sur la tablon ankoraŭ malpuran de gasto foririnta. Foje (sed tiam li mallevis la kapon — vizaĝon direkte al la tablo, por ke neniu ekvidu) li minace sovaĝe k preskaŭ triumfe tutpinĉis la okulojn, kiuj larmetis pro iama malsano. Li silentis, malgraŭ ke la mastro de la drinkejo scivole lin incitis al parolo. Sed antaŭ ol eliri, li frapegis per la pugno sur la ladan platon de la bufedo, ke la trinkilaro brusone saltetis, k ekkriis ridante: „Ĉu mi iros al la „boato"? (tiel oni nomis la karceron). Li promesis sidigi min en la boaton, — ha ha! — Kaj porketo kuniros en la boaton."

Tiam, ne konsiderante la pluvon da demandoj, li rapideme balanciĝis eksteren, kaŝante la botelon en interna poŝo de sia jako.

Li ĉirkaŭiris la bruan centron de la urbo, li ne sciis pro kio, sed li iris, — laŭeble malrapide. Sur la ŝosea vojo interliganta la vilaĝon R. kun la vilaĝo G., li renkontis Grizulon (kies nomo rilatas al lia blondega hararo). Ili sidiĝis sur la supron de l' apudŝosea foso, k Grizulo — sobra ankoraŭ — ekdiris: „Jam mi venas laŭ la ŝoseo, — krevas pro varmo, — k neniu birdeto kantas ‚brando'."

Petro Paĉjo ekdiras: „Silentu, frateto", k per la streĉita montrofingro li tintigas la boteleton sub la jako.

Ili mute sin ĉirkaŭbrakas, k Grizulo viŝas per sia naztuko la ŝviton de sur la frunto de Petro Paĉjo.

Petro Paĉjo tuŝigas sian buŝon sur la orelon de Grizulo k flustras, dum subite liaj larmoj fluas trans la vangon de Grizulo: „Mi ekiros al la boato."

Grizulo ektremas, tenante malfermita la buŝon, — tamen senmova.

„Porketo havas doloron en la ventro, k mi — mi eksidos en la boato", singultis Petro Paĉjo kun blovanta spiro.

Grizulo tordas al li rigardon plenan de ekscito, tamen senmova li restas.

„Mi ploras pro Katinjo edzineto, k pro Karlo, Berno, Gerdo, k Huberto-sentaŭgulo. Katinjo plugas la ĝardenon. Nenio sukcesas. Karlo, Berno, Gerdo, Huberto ekhavas kavon en la stomako. — Mi estas fiulo; kredu min, griza frateto. — Mi ja ploras pro Katinjo. Mi ploras ĉar mi amas, k tamen hodiaŭ perfidis Katinjon. Kaj Karlon, Gerdon, Bernon, Huberton mi amas. — Ĉu mi ne mensogas, griza frateto?"

Grizulo mordetis sur sia sublipo, k strabe-stulte rigardis ĉielen; li ne sciis, kion respondi. Li premas sian bruston kontraŭ la ronda, glata „io" sub la jako de Petro Paĉjo.

„Mi nenie plu trovos laboron. — Mi iros al la boato", plendetas Petro Paĉjo, k abrupte sin retenas de Grizulo.

Dum preskaŭ unu minuto regis silento. Petro Paĉjo profundigis la manojn en sian pantalonon iam brunan, sed nun nigraĉe-brilan pro oleo-makuloj. Li oscedis.

Pasis biciklanto sur la ŝoseo, — li ridetis.

Kun ekĝemo Grizulo rimarkigis: „Kiel mi komprenu, Paĉjo?"

„Konsoliĝu, frateto", eklaŭtis milde Petro Paĉjo. — Tiam li palpis sub la jako, elprenis la botelon k ŝovis ties pinton kun solena pozo en la buŝon de Grizulo. Tiu ĝue glutis, kun fermitaj okuloj, k tenante la manojn unu sur la alia kontraŭ la brusto.

Grizulo estis gaja drinkulo, — neniam li estis kolerigebla. Ju pli da moko k mizero lin trafis, des pli li kantis. Petro Paĉjo enviis lin pro tio. Li ĉirkaŭbrakis lin kvazaŭ pie k ekdiris: „Ni iru".

Ekkantis Grizulo per alta soprana voĉo: „Kiam la tero pereos, tiam ni ŝipveturos."

Ĉe la unua vojo, Petro Paĉjo iris sola maldekstren. —

Li estis hejme pli frue ol kutime; estis apenaŭ posttagmezo, k lia laboro ĉesas precize je la sepa. De la sepa matene ĝis la sepa vespere daŭras lia laboro. — Kiam Katinjo, lia edzino, eta, kaduka, malgaja virino kun sulka, leda vizaĝo, lin demandas pri la kialo de la frua reveno, humile atendante apude, tiam li celas al ŝi la teleron kun la modesta manĝaĵo, kiun ŝi estis metinta sur la tablon; la telero eriĝas sur ŝia dorso, ĉar ŝi turnis sin rapide, por eviti frapon kontraŭ la ventro.

Ŝi fuĝas ĝis la pordo, tamen ne elirante, silentante — sen ploro, — ŝi kutimas la spektaklon. Petro Paĉjo furiozas, lia pugno marteladas sur la tablo. Li ekprenas seĝon k ĵetas ĝin kontraŭ la pordo. Katinjo rifuĝas al la dormoĉambro, turnante la ŝlosilon. Petro Paĉjo disbatas la seruron per la kalkano de sia boto. Ŝi duonkuŝas sur la mizera infanlitaĉo, havanta altan kradon el ligno ĉe la kapa, pieda k mura flankoj — havinta tian ankaŭ antaŭe, sed ŝajne rompita nun. Sub ŝia tremanta korpo dormas Berno, dujarulo — k Gerdo, kvinjara bubo; — kvazaŭ kokino super kokidoj ŝi ŝirmtenas la brakojn. — Petro Paĉjo ŝin tordpremas ĉe la kolo k ekhurlas. Liaj fortikaj fingroj penetras kiel tranĉiloj en la malgrasan, ledan kolon de Katinjo. Ŝi ekĝemas apenaŭ aŭdeble; ŝia buŝo stertoras en la kuseno.

Petro Paĉjo grincas: "Jen, porketo havas plezuron. Saltu, porketo!" Kaj li levas ŝin je la talio, plafonen. — Ŝi ekfalas, streĉante la brakojn kiel risorto. La plafono estas malalta. Petro atingas ĝin per la kapo.

Petro eliras rapideme — kvazaŭ persekutate. Sekvas lin kiel vipo batanta la rigardo de Katinjo, k la ploreĝo de Gerdo. — Trans la kamparon li ŝanceliras — premante la manojn sur la orelojn — kuras — faletas — subiĝas en marĉeton — k ekdormas apud la rivereto.

Tio okazis hieraŭ vespere je la dekoka.

La flavo de la ĉielo preskaŭ tute glitis norden, hela strio apenaŭ rimarkiĝas ankoraŭ. Super la longa monto, borderanta la horizonton okcidentan, nigras la ĉielo — preskaŭ nigregas. — Fulmas periode, — k tondras. Neatendite ekblovas forta vento — kirlas la polvon de sur la vojo supren — kiel eta ciklono. La aero sufoka kiel varmega vaporo, iom pli freŝas nun pro la vento. Kaj la alna branĉeto de sur la transa bordo sible trempiĝas en la fluon.

Petro Paĉjo singultas; lia buŝo gluiĝas sur la olemakulita pantalona genuo. „Karlo malsatos — Berno malsatos — Gerdo malsatos, k Huberto-sentaŭgulo."

Tiam li frapis sin fortege per la pugno kontraŭ la brusto, k grakis el raŭka gorĝo: „Ĉu mi estas Petro Paĉjo bonkora? Mi estas porko en koto. Ĉar mi dormas apud la rivereto. Porketo ja estas frato mia, ho ve, — dormas tamen en silka lito k gruntas sur la kuseno, ho mia Dio. Kia domaĝo por la kuseno! — Mi ne plu drinkos. Ja mia ventro estas putra lago, k doloras. Mi ne plu drinkos, — mi ĵuras, ke ne plu. Animo mia formortas, — brulas en fera prenilo, — ho ve. Mokridas eta diablo en la botelo — sin kroĉas al orelo mia, — hurlas: Petro Paĉjo mordu! k mi obeas diableton. — Tamen mi ĵuras, ke ne plu"; k li refrapis sin kontraŭ la brusto, tiel ke aŭdiĝas obtuza, malĝoja klako.

Li ripozigas la vizaĝon sur la manojn, apogitajn sur la genuoj. Liaj okuloj ruĝe kadritaj naĝas ĉiu en larma lageto, — la fluido ruliĝas suben, laŭ la manoj, fluas en lian buŝon ambaŭflanke; Petro ĝin sorbas per la lango.

Tiam sovaĝe ekfulmas. Helego momentas en la krepusko. Tondras korŝire. Petro palas — flustras kun larĝa, kvazaŭ scivola rigardo: „Tio trafis", k faras la signon de kruco per la dekstra mano sur frunto, buŝo k brusto siaj. Ĝis nun apenaŭ li estis konsiderinta la veteron.

Fulmoj kontinue zigzagas. Okcidente ili arĝentas sur la nigra ĉiela fono kiel vejnaro sur maljuna mano. La sovaĝo de la naturo maksimumas. Malgraŭ la horo ne jam vespera estas preskaŭ malhele, tio videblas, kiam foje malestas fulmo.

Petro Paĉjo subite ektremas. El lia frunto ekstaras ŝvito. Ĥaosa penso karuselas en lia kapo ankoraŭ peza de ebrio: Jen la ‚Lasta Juĝo'.[1] Vi devas aperi — vi, pekulo, antaŭ la juĝo k verdikto de Kristo krucumita.

La buŝo Petro-Paĉja faŭkas kiel kavo. Aŭtomate li ekstaras — surgenuas — ploras — preĝas — singultas, sen preciza formo unue, poste pli klare: „. . . ĉion vi scias — ĉion vi notis. Sankta Gabrielo tenas libron, — sankta Miĥaelo brilanta tenas flaman glavon, svingas ĝin preter la ĉielo — ekfulmas, k li legas per la tondro: Paĉjo batis Katinjon — trenis ŝin je la haroj el la dormoĉambro kuirejon. Berno rompis fingreton sian inter la pordo k la kadro, Paĉjo ebria formordis fingreton. Johano Reĝeto, kamparano, pentofaris dum dek jaroj — redonis trompe rabitan kampon; li ne eniris inferon. Paĉjo insultis Reĝeton post lia morto, — kaŝis Karlon, Gerdon, Huberton en la dornhava heĝo, — kontraŭ Johano Reĝeto. Paĉjo brandigis salajron — forprenis monon memakiritan de Katinjo k fordrinkis. Katinjo kaŝe ploris tutan monaton, — ŝia mamo sekiĝis k Berno malsatis. Karlo, Gerdo k Huberto-sentaŭgulo kriis je pano, — Paĉjo fordrinkis panon. — — — Ĉion vi scias — ĉion, ĉion. Ĉion vi notis en libro via, Sinjoro. Vi grumblas pri mi, vi koleras; vejno de kolero ŝvelas sur via frunto. Vi komisias sanktan Miĥaelon brilantan svingi la flaman glavon al Petro Paĉjo — ekstermi lin, fibeston. Frakasu lin, — li estas koto — diablo — serpentaĉo.

Senmove — pale — rezignacie, kvazaŭ senkapigoto antaŭ la ekzekuta bloko, — la mentono tremapogita sur la brakoj kruciĝitaj sur la brusto, tia li atendas la baton de sankta Miĥaelo, — k tia lin surprizas la pluvo, — unue dika guto tie k alie, tiam freneziga pluvo. La rivereto, larĝa kutime je unu metro, post ioma daŭro ekŝvelas — iĝas bruna terkolora, ekscitite fluante valen k laŭte bruetante. Tra la diluvo, kun konstanta sangsoifo zigzagas la flama glavo de sankta Miĥaelo.

Petro Paĉjo daŭrigas genui, tiel kiel antaŭe, ne atentante la pluvegon. Laŭ la foso de lia spino klinita torentas vigla fluo eniranta ĉe la nuda nuko. Lia vestaĵo gluiĝas sur la korpon.

Petro daŭrigas en humila doloro: „Mi ja scias, sankta Maria, ke vi ekploras pro mi — verŝas la grandegan maron de via malĝojo super Petro Paĉjo — drinkulo, por ke li sciu k pentu. Vi ploras pri mia drinkemo — pri mia fieco. Ĉar mi batis Katinjon, — k mi batis porketon. Porketo estas avara; li ĵetis min el la monakiro k ekridis. Tiam mi batis lin. Mi ja estas malsana, k mi malamas la turmentiston, — k mi malamas min, Paĉjon. Mi ja estas ebria k malsanas je soifo. Bonvolu tion konsideri, ĉion scianta sankta virgulino."

Petro Paĉjo streĉe aŭskultis, kun angore larĝa okulo, k tenis orelon al la pluvo, kvazaŭ li aŭdis ŝin paroli. Kaj post paŭzo, dum kiu li spirretene silentis, li balbutis monotone: „. . . mi scias, mi scias, ke Johano Reĝeto — kamparano ne havas voston, kvankam mi diris, ke li akiros, k mi insultis lin. Vi ja pravas, nomante min fia k puninda, ĉar mi devigis Karlon, Gerdon, Huberton, embuski sub la heĝo, tenante bastonojn en la manetoj, por bati Johanon kampo-rabulon; k estis pluva, frosta nokto. Karlo timegis, — ekhavis pulmiton. Gerdo tusis, — k Huberto-sentaŭgulo ploretis pro timo k malvarmo. Johano Reĝeto tamen ne venis, — ridis en sia grenejo, k frotis siajn manojn. — Vi ja pravas, sanktulino, vi suferas pro mi. Vi ŝiros vian hararon pro Petro Paĉjo, — la tuta sanktularo funebras, irante laŭ muta procesio k manĝante sekan panon pro Petro Paĉjo.

Petro abrupte sin faligas genuen — tuŝas la per la pluvo moliĝintan teron, — boras la pugnojn en la molaĵon k ekkrias. Sur lia dorso tamburetas la pluvo, senkompate — ne plu tamen ekscesa, nun, post la unua momenta senbrido, sed konstanta k enuiga.

Post apenaŭ unu korbato Petro Paĉjo eksaltas — staras, lia mieno tute aliaspektas, li tremas pro ekscito, lia vizaĝo alternas esti flava k pala k brike-ruĝa, en rapida sinsekvo, — lia buŝo klaketas, — lia rigardo timtremegas al okcidento, kie fulmo laŭ formo de hakilo timige longas sur la velura nigra ĉielo. — Iĝas bruta malhelo antaŭ la spirito de Petro Paĉjo.

En tiu momento li faligas sin tuta sur la koton — kaŭras, premas sian vizaĝon preskaŭ en la ŝlimon k

[1] Laŭ kristana religio la ĝenerala verdikto pri ĉiuj pekoj surteraj, okazonta tuj post la pereo de la mondo.

ekpreĝas. — Li ne plu scias, kion li faras. La drinko lin konfuzis, k li pereas pro timo antaŭ sankta Miĥaelo-venĝanto. Ju pli tamen li murmuris, dronante tute en siaj imago k sopiro, des pli li trankviliĝis k rekonsciiĝis. Li trovis konsolon en la sino de siaj sopiro k adoro, konsekvence ja li forgesis sian mizeron k enkarcerigis la ribelon en la profundo de sia koro — lasis la ĝermon de sia fiero resti kriplulo. Kio tamen konstantis, eĉ kreskis, sur la fekunda grundo de la mizero en aŭreolo, estis lia fieco.

„Sankta Maria", li ekdiris spiregante, „plej pura vivulo iam estinta sur la tero, plej adorinda knabino. Via koro estas senlima, — via koro estas ĝardeno de boneco. Vi ja kutimas ŝvebi super florbedo, — ripozigi vian delikatan kapeton sur purpura tulipo kiel kuseno. Vi ne bezonas avidi al pano kiel Katinjo, k avidi al viando k terpomoj. Via provizo ĉiam plenas je freŝa pano. Vi ne spertas malsaton, k kiam vi soifas, flirtas al vi anĝeleto — vin trinkigas el pura sia maneto. Via koro ja estas senlima, k ĝin disŝiris sepobla glavo. Ekde tiam vi gustumis la oceanon de la sufero, en kiu singultas k baraktas la tero. — Sciu, ke en mia malbeninda koro parazitas ardanta glavo — min konfuzas per sia logo — min prostituas per sia frenezo. Verŝu gracon sur la vundon de mia koro. Verŝu gracon, dolĉa knabino. Verŝu gracon super mia vundo. Kvietigu ĝian sekan doloron. Vi estas ĉiopova. Vi nur bezonas teni la fingron, k la doloro pasas. Unu parolo via, k la tero surventras antaŭ vi, obee kiel hundeto — kiel Petro Paĉjo surventras antaŭ vi. Plenumu mian peton, sankta, sublima, plej kisinda knabino! Unu peton — ununuran deziron dum mia vivo de mizerulo plenumu! Vi estas ĉiopova. — Faru brandon el tiu ĉi rivereto. — Tuj igu ĝin brando!"

Dume la mano de Petro Paĉjo karese k milde glitis super la ekscitita fluo, k ondo foje saltanta lekis lian manon. La rivereto jam ekhavis konsiderindan larĝon k profundon, kaŭze de la torenta pluvo; ĝia cisa[2] bordo preskaŭ atingis la kuŝejon de Petro Paĉjo k progresis konstante.

„Igu ĝin brando, ho sankta Dio-panjo!, — igu ĝin brando. Vi estas ĉiopova. Unu humilan peton de mizerulo ne malakceptu! Igu ĝin brando, — igu ĝin brando, — brando — brando — brando".

Petro Paĉjo balbutis; liaj okuloj avide larĝis, atendante la miraklon de la transformiĝo, ĉiu nervo lia estis dolore streĉita. Li ĉerpis plenmanon da akvo, tenis ĝin sub la nazo — flaris — enmetis la langon por gustumi k gutigis la reston rivereten, sen ke liaj pacienco k espero malpliiĝis. Densa ŝvito gutis de sur lia frunto koten. „. . . brando — brando — brando . . .", li balbutadis obstine, kiel infaneto; k li ridetis kun feliĉega, stulta brilo sur la mieno. Sur lia buŝo densas ŝaŭmo, lia buŝo penetras en la ŝlimon. — — —

Tia estis Petro Paĉjo. Li ne plu vivas. Dum la fino de sia vivo, li sin tenis sobra k justa k bonkora, k estis modela familiestro k „brava civitano". Li kapitulacis per obeo; ankaŭ la ĝermo de ribelemo definitive estis mortinta en sia karcero. La jugo estis tro barbara k peza. Lin tutan — ĉu lin fian, ĉu lin protesteman — surgenuigis Dio. Nesukcesinte dronigi sian mizeron en brando, li sukcesis dronigi ĝin en pio.

---

# NIKOLAO

Originalo de N. BARTELMES.

La infano tusegis.

Timegite la patrino rigardis en la mallumetan angulon, kie sidis ĉetable Nikolao klinite super siaj lerntaskoj. Tiam ŝi turnis sin kun duonriproĉa, duonĉagrena ekrigardo al la patro:

„Ni mortigos lin, se ni restos en tiu ĉi loĝejaĉo! La malseko, la mallumo, la malvarmo ne konas kompaton. Malfeliĉa mia infano!"

La patro suprenlevetis la ŝultrojn; lia mieno restis fiksita sur la plankon, tiuj malserenaj okuloj, en kiuj flagras nenia fajrero plu, la lipharoj malgaje pendantaj, la frunto sulkita k kuntiritaj la brovoj en dolora spasmo.

„Ĉu estas mia kulpo?" li murmuris peze spirante. „Ĉu mi ne faris ĉion eblan por ricevi okupon? Dum semajnoj, dum monatoj? Mi ne estas drinkema, mi ne hazardludas, fumadon mi delonge rezignis, mi vivas kun la ununura penso retrovi laboron: Ĉu estas mia kulpo, se ni pereas ĉi tie kiel velkintaj plantoj, ĵetitaj en balaaĵujon? Vere, mi ne meritis tion! Neniam mi postulis troon, neniam arogis al mi pretendi riĉaĵojn. Kiam mi edziĝis, kiam venis tiu ĉi infano, mi havis nur la modestan celon, laborgajni tiom, por krei familian feliĉon, minimumon da komforto en nia hejmo. Mi ĝin klopodis per honesta laborado garantii. Jen trafis nin la granda malfeliĉo, la labormanko, la maldungo, la konstanta, nefiniĝanta senlaboreco — mizero, malsano . . . estas la fino."

La patrino respondis per profunda ĝemo k silentis. El la supra etaĝo aŭdiĝis kriaĉanta gramofono, kiu gloris la printempon de l'amo . . .

Nikolao ne estis bona lernanto. Li estis distrita k revema. Iam lia spirito estis pli vigla k liaj okuloj iam rigardis pli esperoplene k gaje en la mondon. Tiutempe li amikiĝis kun infano de bonstataj gepatroj, Georgo Kubrik, kiu ekŝatis la simpatian knabon Nikolao same kiel ĉi lasta lin. Sed depost la senlaboreco de l'patro la rilatoj ŝanĝiĝis. La animo de Nikolao iĝis zorgpremita; malofte rido eksonis el lia buŝo. Li malkuraĝis pri la plenumo de siaj lernejaj taskoj.

Georgo, grasa, bonnutrita, senzorga, dorlotita de l' sorto, malplaĉe sentis la malavantaĝan ŝanĝiĝon en la karaktero de Nikolao, kies antaŭan gajon k petolemon li amis, sed kies nunan aflikton k anemiecon li ne komprenis. Tio iom post iom disigis la du amikojn, ĝis tia grado, ke Georgo komencis moki la malfeliĉan knabon pro la malbonaj rezultoj de lia lerneja laboro.

„Oni hontas en via societo," li diris iun tagon al li, „oni devus meti vin en izolejon, por vin kuraci. Mi ne komprenas, kiel oni povas esti tiom stultega!"

Nikolao malkuraĝiĝis pli k pli. Jes, li estis distrita en la lecionoj; li revis, revadis, obstine aperis en lia spirito belaj imagoj pri lando, en kiu fluas mielo k lakto, en kiu ne ekzistas punoj por neinteligentaj infanoj. Li revis pri objektoj, kiuj havis nenian rilaton

[2] Maltransa.

kun tiu mizera, griza k monotona vivo, kiun li pasigis en la kavaĉo, kiu estis la loĝejo de liaj gepatroj.

Kaj krome estis lia stomako, kiu ĉiam pli ofte k pli arde demandis lin: Kial ci ne kontentigas min?

Ekzistis tamen iu bonkora homo, kiu komprenis la bezonojn k zorgojn de Nikolao k kiu indulgis lin ĝis pleja ekstremo, tio estis lia instruisto. Afero, kiu ĉagrenis Georgon Kubrik, kiu malgraŭ pli altaj kapabloj en ĉiuj lernfakoj ne ĝuis tiun favoron de simpatio ĉe la instruisto, kiun spertis Nikolao. Ankaŭ tio estis motivo por Georgo, malbonhumori kontraŭ Nikolaon k pligrandigi la abismon malfermiĝantan inter ili.

Georgo havis sian propran metodon, por turmenti sian kunulon, pri kiu li tamen ne sufiĉe malinteresiĝis, por lasi iri lin trankvile sian vojon. Foje Georgo ricevis hejme de sia patro fortajn batojn pro malĝentila konduto. Kreskis en li la deziro sin ekvenĝi sur Nikolao . . .




„La instruisto estas tro indulgema pri vi," li diris mokeme k malŝate al Nikolao, kiam ili renkontiĝis la alian matenon en la lerneja korto. „Tia kompatemo rilate vin tute ne konvenas; ĝi ne faros el vi bonkondutulon. — Ĉu via patro neniam batas vin?" li demandis subite, k liaj pugnoj jam kuntiriĝis, dum li pensis pri la ricevitaj batoj.

„Ne, mia patro neniam batas min . . ." diris Nikolao milde, k stranga brilo aperis en liaj okuloj.

Kiel oni ja povus bati tian malfortetan, palaspektan knabon, kiun ĉiutage vipadis pli terura k pli kruela ekzekutanto ol patra mano, kiun oni nomis, ĉiuloke tra la tuta mondo, per jena osteca, malmola vorto: *Ekonomia krizo!*

Sed Georgo ekkaptis la maldikan brakon de Nikolao, pinĉegis ĝin, ke terurite ekkriis la malfortuleto, k fleksis lin malrapide teren. „Kompatemo ne konvenas ĉe vi. Nun estas via vico ricevi batadon."

Kaj Georgo kontentigis sian venĝemon.

*

La kursoj por senlaboruloj estis ĝenerale malbone vizitataj. Devojigitaj de la krizo, la plej multaj perdis celon k direkton el la okuloj. Vivprincipoj renversiĝis. La kleriĝemo inter la proletoj ne kreskis, sed male: ĝenerala apatio k indiferento kaptis la homojn sub la konstantaj frapoj kontraŭ ilia materia ekzisto.

Inter la partoprenantoj al esperanta kurso estis la senlaborulo E. B., patro de Nikolao. Ĉi tiu viro havis ideojn k idealojn, havis fortan emon pligrandigi siajn sciojn k kapablojn, k li ekkomprenis k ekamis la signalvorton, kiun li estis leginta sur flugfolio k sub pentrita afiŝo: „Laboristoj el ĉiuj landoj, unuiĝu per *esperanto*. Por interkompreniĝi vi bezonas komunan lingvon!"

Kaj tiel li eksciis, ke tiu komuna lingvo, artefarita, simpla, logika k fleksebla, jam ekzistas k ke ĝi posedas sian propran vivon k spiriton, k ke ĝi devos ludi gravegan rolon en la batalo de la laborista klaso.

Nikolao vidis la patron studanta; ĉi tiu eklernis la novan lingvon. Kaj dekiam li lernadis ĉiutage kun arda fervoro, lia animo estis pli trankvila, la ekscitemo de liaj nervoj falis laŭgrade, k Nikolao esploris scivole pri la kaŭzo de tiu „miraklo".

„La ideo, mia knabo, tiu mirinda ideo pri komuna tutmonda lingvo!" ripetis la patro flustre.

Kaj Nikolao ankaŭ komencis ekami tiun ideon, kiu entuziasmigis lian patron.

Sed Georgo Kubrik mokis ankaŭ pri tio, kiam Nikolao eldiris kelkajn aludojn pri la afero.

„Mia patro diras," kun aplombo asertis Georgo, „ke oni devas scii almenaŭ tri fremdajn lingvojn, k ke ĉiu devus trovi la tempon por eklerni tiujn lingvojn, anstataŭ pro spirita inerto kontentiĝi pri artefarita, simpligita produkto de lingvaĉo, kia estas esperanto."

Kaj kiam Nikolao riskis rimarkigi, ke esperanto tre bone povas esti parolata de anoj el ĉiuj nacioj, Georgo aldonis ironie: „Nu jes, esperanto estas eble la latino de l'plebo — —"

Nikolao ne sciis respondi, sed flamis en lia animo la amo al tiu kreaĵo, per kiu li iam povus travagadi „per flugiloj de facila vento" la tutan mondon. Pri tio li ja estis tiom konvinkita! Iam, kiam venus la pli bonaj tempoj!

*

Nikolao tusadis pli k pli. Kun la malvarma sezono la restado en la loĝejaĉo fariĝis pli k pli netolerebla.

Iun tagon la malpeza mano de l'knabo ne plu metiĝas sur la ŝultron de l'senlaborulo E. B., kiu sidas ĉetable, klinite super la esperanta lernolibro, kun kiu li tiom amikiĝis. La malgrasa, pala maneto de Nikolao palpas tra la aero el sub lita kovraĵo, en febra vagemo. Li estas funde malsana; la febro skuas lian delikatan korpon. La patrino havas de l'plorado ruĝiĝintajn okulojn, la patro fariĝis pli k pli silentema, k signo pri deliro ekstaras iafoje en lia muta rigardo.

La moneroj de l'senlaborula subvencio estas uzataj por aĉeti medikamentojn, teon, fortigilojn por Nikolao. La gepatroj manĝas preskaŭ nenion, sed ili ankaŭ ne plendas plue . . . Senutile!

Kaj tamen la malespero eksplodas laŭte en tiu krepuska horo frumatena, kiam post lasta konvulsia ektusego la agonio de l'knabo finiĝis, k la lasta korbato estis treminta.

„Ĉu ni povis savi lin? Ĉu ni ne mortigis lin? Kial mi naskis lin? Kial li devis suferi tiun sorton?" Vanaj demandoj de du homoj turmentegataj.

Tiam regas denove la glacia silentego interrompata nur de mallaŭtaj ĝemoj k singultado. Tra la plafono penetras valsa muziko de gramofono.

Konfuzaj ideoj kalejdoskopas en la kapo de l'senlaborulo E. B. Lukti, batali, ribeli kontraŭ tiu barbareco, en kiu dronas la homaro!! Estas kiel suprensalto de la vira brusto. Kaj tiam ree la disrompiĝo, la superrega doloro paralizanta ĉian volon . . .

De la strato aŭdiĝas la krioj de l'gazetvendistoj: Arĝenta strio ĉe la horizonto! Novaj perspektivoj por la ekonomio! LA FINO DE LA KRIZO!

La sekvantan tagon inter la kroniko pri memmortigoj la ĵurnaloj menciis ankaŭ la nomon de l'senlaborulo E. B.

# EN LANDO DE NIGRA ORO

S. F. VALTER (Donbas).

Vojaĝimpresoj pri Donbas.*)

I.

EN la malproksimo ekaperas gigantaj, suprenlevitaj tuboj, kiuj seninterrompe elĵetadas tavolitajn fulgajn nebulojn el griza fumo. La aero estas plenplena de amoniako k peĉo, kies odoro sentiĝas ĉie. En la urbo ĉiuj homoj sufokiĝas pro la varmego k pro tio, ke ili devas spiri aeron, kiu enhavas la diversajn miasmojn de karbo k fero, k gluti la paviman polvon dum somera tago, kiam la senkompata suno per siaj sennombraj dissternitaj radioj bruligas ĉion sur la tero.

Kaj estas julia tago, kiam mi atingas Makejevka, la grandan metalurgian centron, nomatan la antaŭpordo de l'Donbas. Mi staras sur la perono de eta fervojstacio k atendas tramon, kiu portos min al la urba centro. La ĉiela grizo vualas la vaste etendiĝantan perspektivon de l'apuda ĉirkaŭo; en la malproksimo super fulgaj nigraj tuboj tage k nokte rampas unu post la alia, sur ferŝnuroj, etaj, kiel ŝajnas al mi, vagonoj, plenplenaj je karbo. Eta fera skatolo malrapide, iom post iom, rampadas super fabriko, akurate laŭ sia vico. En la fino de l'vojo la skatolo malfermas siajn etajn pordojn k la karba maso elŝutiĝas. Aperas nigra piramido el polvo; la vagoneto renversiĝas k rampas reen, denove dua, tria ktp. sekvas, k monotone, malrapideme la nigra fera kavalkado sen iu halto, iu ripozo promenas super la metalurgia giganto.

Mi longe atendas tramon. Fine „dzen . . . dzen" frapas miajn orelojn. Mi envagoniĝas. Praava, dispecigita vagono portas min al la centro. La tramo, mi devas rimarki, estas la fiero de l'Makejevka loĝantaro; ĝi estas konstruita post la revolucio de 1917. Dum cara tempo en la nomita urbo Dmivievsk neniu konis tramon, nur kelkaj aŭtomobiloj k fiakroj estis cirkulantaj. Nova tempo, nova nomo k novaj ordoj! Najbare mi rimarkas personon tenantan en manoj . . . „Berlinan Taĝĵurnalon" (Berliner Tageblatt); li estas evidente tre profundiĝinta en legadon k ofte kapklinas iom malsupren, mallaŭte ridetante. Tramo sonoranta ĉiuminute, veturas pluen. Preter mi movbrilas la malnova granda katolika preĝejo kun ĝin ĉirkaŭanta bela ĝardeno. Sur blanka tabulo la surskribo: „Fabrika lernejo." La konstruo, kiu antaŭe nur aŭdis la vokojn de l'pastro „Ave Maria", hodiaŭ kaptas la gajajn, sanajn voĉojn k la ridojn de nova juna generacio — konstruanta la novan vivon en la lando. Jen altiĝas la akvokonduka turo kun flirtanta ruĝa standardo. Jen, kiel la Arko de Triumfo en Parizo, aperas la urbcentra arko tute ruĝkolora kun aro da reklamoj k afiŝegoj:

„Aĉetu akciojn de l'nova prunto!" „Kunhelpu al la ŝtato." „Neniu persono sen prunto."

La ruĝkoloraj literoj de unumetra alto silente kriegas, logas, varbas . . . La radio-megafono senĉese krieganta, la sonorado de la tramo, la sonejaj klakoj de l'aŭtoj, la paŝbruo de l'preterpasantoj, — ĉio impulsas per vivo. La malnova k ĉiam nova kakofonio[2] de l' negoca vivo de la urbo. La tramo moviĝas malsupren. Krepuskas . . . Suno dekliniĝas al horizonto, ĝia ardanta globo malrapide dronas en nebulaĵo de l'malproksima ĉielo, la radioj ie brilantaj ĵetas siajn lastajn striojn sur la urbon . . . Jen, jen . . . ili malaperos, k mola veluro de l'somera vespero ekregos sur la tero.

Subite — halto . . . „Net toka" trapikas la sidantaron de l'vagono, do nenia elektra kurento dum 2—3 horoj, ĝis . . . ekaperos „tok". Mia najbaro hazarde ektremas, turnas la kapon al fenestro k, ŝajne komprenante ĉion kiel la aliaj, murmuras kun aro da insultoj: *„Verflucht! immer, immer diese Störungen!"* (Malbenite! Ĉiam tiuj perturboj.) Sed kio estas?! Ĉu vere? Ĉu mi ne eraras?! Mi aŭdas germanan parolon. Kaj mi tuj demandas germane: „Ĉu tio ofte okazas, *mein Herr?"*

*„Ja, ja, sehr oft!"* (Jes, jes, tre ofte) respondas la najbaro kun milda rideto k konsternite observas min. „Ĉu vi estas germano? — Eble samlandano-kolego? Kiom mi ĝojas!" — Per kelkaj vortoj jam kiel al „malnova amiko" li rakontas, ke li devenas el Frankfurt-ĉe-Majno, jam du jarojn loĝas ĉi tie kiel konsilanto de metalurgia fabriko. „Mi vidas, ke vi estas esperantisto," li rimarkigas, ekvidante mian stelon. „Mi tre interesiĝas pri ‚lingvo internacia' ". La du lastajn vortojn li intence substrekas, por montri, ke li scipovas la esperantan lingvon.

Kaj la bona germano konfuzas mian kapon per aro da diversaj demandoj, kiujn laŭ mia povo mi prirespondas.

„Mia familia nomo estas Erliĥ . . . Francisko Erliĥ," li diris al mi, donante sian vizitkarton. „Vi devas min nepre viziti, mi petas." Dum nia konversacio fluas, la tramo denove ekrampas. Mi adiaŭas lin, promesante baldaŭ lin viziti k eliras sur la trotuaron. Jam estas tute mallume. Elektra mizero kontrastas kun somera vespero.

En la ununura hotelo de l'urbo „Nova Donbas" mildaj sonoj de ario el „Karmen" refreŝigas min en eta hotela restoracio. Poste, trovinte ĉambron, k vere liton liberan, mi ekdormis kiel mortinto. Post tri-tagnokta laciga vojaĝo estis plej granda ĝuo etendi sin sur la ne tre bona k en rusaj cirkonstancoj ne sufiĉe oportuna matraco. Mi dormis kun revoj k esperoj pri la nova vivo en la Donbaseno. Kaj eĉ mi ne sentis, ke mia tuta korpo estis mordata de cimaro — nepra aparteno de ĉiuj rusaj hoteloj. (Daŭrigota).

---

[1] *Donec-baseno* (ĉefa karboregiono en U.S.S.R.).
[2] Malbelsonado.

# ESTIS IAM DU AMIKOJ — — —

*Grotesko de* FRIĈJO LOEFFEL (Lajpcig)

Estis iam du amikoj: Karlo k Ernesto. —

Sed ne, tiel mi ne povas komenci mian rakontaĵon, ĉar tiel komenciĝas kutime fabeloj, k mi ja volas ŝajnigi verokazintan rakontaĵon.

Do, komencu mi denove:

Karlo k Ernesto estis amikoj depost jaroj. La du kolegoj k iliaj edzinoj reciproke vizitis sin k daŭrigis libertempon jam ofte.

Sed certe vi bone aŭskultis: estis amikoj. Vi povus demandi min, ĉu ne plu estas amikoj, aŭ kio kaŭzas malamikiĝon? Tion k ties rezulton mi ja volas rakonti.

Ambaŭ estis senlaboriĝintaj k iun somertagon ili projektis naĝadon en la refreŝiganta rivero. Ernesto venis al la loĝejo de Karlo por akompani lin. Ili ekmarŝis, sed dumvoje disiĝis iliaj opinioj. Ĉiu konstante ne emis forlasi sian vidpukton k iliaj voĉoj pli k pli laŭtiĝis, ke eĉ la preterirantoj bremsis la paŝojn k mire turnis sin. La fi-oj, la aĉ-oj baldaŭ flugis de Ernesto al Karlo, de Karlo al Ernesto.

Dume ili estis atingantaj la banej-eniron k subite ekhaltis Karlo, malame vokante:

— Kune kun vi naĝi ne eblas! Mi ja devus timi, ke vi subakvigus min tiel longe, ĝis mi mem, mortinta, emos atingi la fundon!

— Ho, Karlo! malice respondis Ernesto. Ĉu mi ne la samon devus timi de vi, fripono!

Kaj sen plia vorto turnis sin Ernesto k reen li direktis siajn paŝojn. Karlo murmuris nekompreneblaĵon k sole eniris la banejon. Ernesto kontraŭe, flamiĝinte pro kolero, iris rapide reen al la urbo. Baldaŭ li malrapidigis siajn paŝojn k pensis: „Kial tiel rapide iri, mi ja havas tempon. Tutan posttagmezon mi ankoraŭ havas antaŭ mi. Sed bani kune kun Karlo neniam! Tiu besto, tiu fiulo! Ho, k li nomis sin mia amiko!"

Li pli k pli ĉagreniĝis, k fine li trovis sin en restoracio. Li trinkis bieron. Unu glason, du glasojn, la tria glaso sekvis, do Ernesto plenigis sian internon per alkoholo. En sia kapo nia Ernesto preparis projekton de venĝo, sed vane; li ne povis trovi indaĵon, nenio taŭgis. Kolerplene li fine ekstaris k vagis sencele tra la stratoj. La montrajn fenestregojn li ne atentis, la reklamafiŝoj ne vekis lian intereson, kvankam li legis ilin enuigite.

Estas ja klare: longjaran amikecon oni ne povas perdi dum unu momento, k fiparoladon de longjara amiko oni ne povas digesti tiel rapide kiel ĉerizojn, post kiuj oni trinkis akvon.

Antaŭ ol li volis transiri la straton, li legis grandan afiŝon, kiu pendis super pordo en kontraŭa stratangulo:

„*Ĉerkfarejo.* Nia ĉiama ĉerkostoko kontentigas ĉies estetikan guston. Senĝene oni povas enveni k mendi laŭ nia specimena stoko."

„Ha," pensis nia Ernesto. „Kuŝu Karlo en tombo!"

La pensado pri tio kvazaŭ revekis lin. Li staris senmova kelkan tempon, sed subite li pasis de unu stratangulo al alia k eniris la ĉerkmagazenon. Li restis staranta proksime de la enirpordo, elpoŝigis grandan naztukon k viŝis la ŝviton de l'ruĝiĝinta vizaĝo. El la interno de l'vendejo venis solene dika viro, vestita per redingoto.

— Bonan tagon k plenan kondolencon, mia sinjoro!

— Bonan tagon, balbutis Ernesto k spiris profunde.

— Ho, mia s-ro, sidiĝu vin antaŭen en tiun ĉi seĝegon. Certe estas via funebro granda, ĉar la plej-amataĵo de sur la mondo fermis por ĉiam la okulojn. Sed ne malesperu: kiam vi vidos la mortinton en de nia firmo fabrikita ĉerko, la lastaj larmoj forlasos viajn okulojn, ĉar vi tiam scios, ke lia lasta ripozejo estas malkara, rapide liverita k fakule konstruita. La famo de nia firmo k antaŭ ĉio la takto, per kiu ni . . ."

„Hu, hu, hu," skuis la funebro la korpon de Ernesto, „ho, s-ro, vi ne povas forpreni ĉiom da doloro, kiu plenigadas min. Pripensu vi! hieraŭ mia bona frato — ĉi tiu estas la mortinto — vivis, k hodiaŭ kuŝas li senmove — hu, hu, hu!"

— Ni ĉiuj estas mortontaj, tiam ĝemis la vendisto, — hodiaŭ forto, morgaŭ morto —

— Ho ne, ne, s-ro, ne morgaŭ, hodiaŭ mia frato jam mortis. Sed konduku min tra via modelejo.

Ernesto tie trovis multekostan, belornamitan ĉerkon k diris al la vendisto: — Vi devas ankoraŭ ion scii, s-ro, mia frato estas eksterordinare granda k pro tio nek vi, nek mi povas scii, ĉu la elektita ĉerko havas la ĝustan mezuron por li. Do, estas plej bone, se vi sendus lignaĵiston al la vidvino k mezurigos la mortinton. Ĉu vi samtempe kunsendos la ĉerkon, tio estas via afero.

— Volonte, s-ro, mi agos tute laŭ via ordono. Via volo, s-ro, estu ĉiam por mi ordono! Kaj nun diru al mi la adreson de l'funebra vidvino.

— Jen adreso — mi skribas, sed mi devas ĉefe peti vin, kiel eble plej baldaŭ komisii lignaĵiston, ĉar mia bofratino morgaŭ ne estos hejme.

— Certe, certe, s-ro, post du minutoj ekkuros la sendoto. Kaj nun forviŝu la larmojn, ĉiam pripensu, ke en la ĉielo super la nuboj vivadas dio k dio la majstro —

Sed tiutempe Ernesto jam forestis.

— — —

La juna edzino de Karlo sidis sur kuŝ-sofo, ŝtopis ŝtrumpon k pensis:

— Karlo nun baldaŭ revenos. Ho, li estas vere aminda edzo. Li ne drinkas, li ne trofumas, li ne karesas aliajn inojn. Li amas la hejmon k min en ĝi —

La pensadon interrompis hela sonoro de el la koridorpordo. La juna edzino ekstaris, ordigis supraĵe la hararon k iretis al la pordo. Ŝi malfermis ĝin k antaŭ ĝi staris du blujakaj laboristoj, faldeblajn mezurilojn k krajonegojn ili tenis en la manoj. Unu deprenis ĉapon k diris:

— Bonan tagon, certe vi estas vidvino Berger — ŝiaj okuloj pligrandiĝis — pardonu, se ni ĝenus, sed ni venas de la ĉerkfarejo por mezuri la grandon de via mortinta edzo. La ĉerkon ni provizore lasis malsupre — —

La juna edzino ekkriis, ĵetis alten la brakojn, k sveninte ŝi falis planken. Ŝi ne plu diris nek „kiks", nek „kaks".

La laboristo etendis trankvile la faldeblan mezurilon, genufleksis apud la svenintino k diris trankvile al la apudstaranta alia laboristo:

— Ĉu gravas? Mezuru ni la grandon de *du* mortintoj!

---

Korektoj. Bonv. legi en la n-o 4, sur p. 69, 2-a kolono, linio 25 de supre: „Oni ja devas ebligi al K-dino konigi sian penson . . ." (por ke la senco estu klare komprenebla); sampaĝe, 1-a kol., 18-a lin. de malsupre: „rilate" (anst. rilati); sur p. 73, lasta linio devas esti: „altan *kreskon*" (anst. talion).

# Militarto k militismo



Mezepoke, dum enkastelaj moŝtoj regis k absolute reĝis en siaj landbienoj pli malpli ampleksaj, militarto estis sporto, kiu oportune ekzistis por ilia distro — tiu epoko ne estis distroriĉa — k ankaŭ por ilia profito. Ĝi kunigis tre inteligente utilon kun agrablo. Milito: uzo de armiloj por mortigi. Mortigi pro diletantismo, ludi en sango, por manĝi, por ŝteli, mortigi por solvi la problemon pri malsato, por eviti strikojn de neni-onfarantaj nekontentigitoj, fine, simpla, sed genia kiel la ovo de Kristoforo Kolombo rimedo por ĉesigi la senlaborecon.

Tiuepoke milito ne havis tiel humanan, filantrop-politikan trafeblon. Ĝi estis multe pli Arto ol vulgara, per malplenigo puriga sistemo. Tamen ĝi ĉiam pivotis laŭ la akso Profito. Mezepoke temis pri individua pro-fit-entrepreno elaste organizata laŭ bezonoj, cirkon-stancoj, agokondiĉoj. Nunepoke la progreso stabiligis normigon k intereskomunumigon de l'profitentrepren-oj sub ŝtataŭspicioj k bankgarantioj. La afero komerce vulgariĝis k iom fiiĝis laŭ la morala vidpunkto, k tio bedaŭrinde estas konstatebla!

Jes, verdire mi bedaŭregas la antikvan tempon, ki-am oni reciproke frakasis siajn vizaĝojn per gigante fortaj bategoj . . . tiel heroe, tiel sindoneme, tiel entu-ziasme! Oni draŝis per glavego k hakilo tra la militant-amaso. La klingoj ludis diablecan sonoran sarabandon[1] kontraŭ la ŝtalo de l'kirasoj k de l'kaskoj, el sub kiuj ŝprucis klara varma sango. Oni ĝojis povi murdi, eble morti — mi ne atesti povas, ne spertinte — sed evi-dentas, ke idealo superis la murdludon. Vere, ke se la servantoj-batalantoj diletantismis skermadon, la moŝtoj fervestitaj kiel modernaj krozŝipoj enspezis super la batoj.

Tamen tiu muskoleca epoko elŝveligas tian ĉarmon el forto, el entuziasmo, el stulto, ke min trafas miro k admiro al tiuj herooj k gigantuloj, kiuj revis nur pri vundoj k batoj . . . !

Kia sportismo! Kaj temas pri amatora . . . Kom-preneble, se la malamiko malaperis el la nombro de l'feliĉaj vivantoj, tute evidentis, ke la heredanto estu la venkinto, por stabiligi la lud-elspezojn k honorige enterigi laŭ la tradicio prahereda k la sakramentoj de l'Sankta Eklezio Roma . . . la heroon, kies kapon kaĉ-igis iu malamiko-bravulo kun la tuta Arto postulenda. Kia lojalismo!

Elŝirado de okuloj, oreloj, nazoj. Kaĉigado de cerb-oj, ostoj, intestoj. Riveroj de sango, feko, kraĉo, he-pato. Ho, dia kolorado sub sunardo heroa! Rolando eburkorne trumpetas ĝis faŭkkrevigo, glavfendas la rokon, kiu disstaras kiel vundo teruriga. Kia poezio!

La reĝo en Sŭason (Soissons), por frakaso de vazo, frakasas hakile la kapon de l'pekinto! Ne parolante pri la inkvizicioj, la krucmilitiroj, la bruligoj de la kavaliroj de l'Templo, ktp. Eble la romanoj ĉampionis per la arenludoj, la novkristan-manĝado de l'leonoj. Nero, diletanto ŝparema k ekonomi-majstro, uzis la novkristanojn tre oportune por ŝpari lummaterialon: li ja torĉigis ilin.

Sed tiu problemo eksteras de la milita. Tie ĉi temas nur pri racia uzado de cerbaj k manaj sentaŭguloj, kiuj handikapis[2] la suverenecojn. Tie ĉi ni apologias nur pri militismo antikva kompare al la nuna k nia aspiro estas demonstracii, kiel pli nobla, pli lojala, pli heroe belega estis la antikva ol la nuna tiel humiliga pro senhonta normigado.

Trafe moderna filozofo fonografe deklaris (mikrofone ankaŭ, mi kredas): „La noblaĵoj malnobliĝas pro troa moralerara normigado.“ Kaj militarto estas la plej granda, la plej sublima viktimo. . . . Ho ve!

Ha, kie estas vi nun, kiuj heroe trakuris la mondon sur viaj rajdbestoj ŝvitardantaj, kiuj konkeris sanktan Jeruzalemon k pro Kristo murdis infanojn, patrinojn k kadukulojn. Vi, kiuj en sankta ekstazo kun dia incito en koroj bruligis la herezulojn k sanktuligis kelkajn el ili por la ripozo de *viaj* animoj? Kie, kie vi estas nun?

Nur cindro, nur pulvor' sennoma, nur heroaj siluetoj nokte rajdantaj fantomĉevalojn. Vi spitas al tiuj dandoj, kiuj heredis la sanktan privilegion de militarto. Sed ili malnobligis ĝin kun honto al vi! Ili vatumis sian devon, ili kirasis sian timon k entirkestigis sian kuraĝon. Ju pli ili estas grandaj estroj, des pli ili malheroiĝas, komandante lite atakon per telefona armilo. Ili kudris galonojn sur manikoj de siaj ŝtofaj militvestoj.

Kaj oni sin murdas reciproke de malproksime kiel timemaj kokinoj. Maŝinoj mortigis la Arton. Kaĉigo de karno sub efiko de ŝrapneloj havas bedaŭrindan aspekton, kiu ne trafe kuraĝigas la batalantojn. Tio estas psikologia vidpunkto, kiu multe valoras, k tie ĉi mi pledas por la beletristiko! Mi absolute deklaras, ke hakilbato sur nukon, glavtranĉo al membro, trapikado al ventro pere de la iloj uzataj mezepoke por la milita arto havas heroecon en si, incitas al kuraĝo, heroa venĝo, venĝa venko, venka fino, fina triumfo la batalanton k ke per helpo de natura vinber-likvaĵo (ne ĥemia kontraŭhigiena likvaĵuzo) la celo estas atingata laŭ ĉiuj kondiĉoj de l'milithonoro.

La pafiluzado de la komenco de l'dekkvara jarcento inaŭguris la periodon de l'nepsikologia fiefiko de l' nova mort-metodo. Tio donas ekzemplon tre ĝuste elektitan al la privera aksiomo de ceteraj filozofoj. „Tro da perfektiĝo materia estas morto al perfektiĝo k evoluado morala.“

Jes, mi samopinias. Neniam militarto povos pretendi esti la supro de la homa aktiveco k de la homa bestoforto tiom longtempe, kiom ĝi uzos maŝinojn, kiuj pli timigas ol entuziasmigas.

Mia pledado sublimiĝas per la penso, ke parolante mi aprobe starigas milionojn da iamaj artistoj-militantoj el tomboj sennombraj, ĉu grandiozaj, ĉu humilaj, kiuj ĉie svarmas en la heroa, sangoriĉa tero de nia prapatra landheredo, por atesti laŭtege ĝis la nuboj, ĝis preter la stratosfero de sinjoro Pikar (Piccard), ke militarton murdis militistoj!

Kia ironio!

Kaj tion oni nomas senkore, senanime, seninteste, senhepate *Progreso!*

---

[1] Malnova, origine hispana danco.

[2] Handikapo = sportkonkuro, ĉe kiu kompetentulo egaligas la diversajn ŝancojn de l' konkurantoj per pliŝarĝo por la pli fortaj k faciligoj por la pli malfortaj. — *Red.*

Ne! Sinjoro Ŝnajdr (Schneider)[3]. Ne! sinjoro Krup[3]. Vi gvidas la mondon al pereo de la beletristiko.

Viaj kanonoj? Trompobildo. Nur enspezoj kapitalistaj k moralputrigo por la novaj, tamen tiel esperoplenaj generacioj de l'Hitleranoj k de l'nigra-ĉemizuloj.

Vi devojigas la lojalon de iliaj militardoj. Vi armas iliajn manojn per iloj, kiuj aŭtomate militemas k militadas kontraŭ poezio! Ili havu hakilojn, lancojn, tranĉilojn, skrapilojn, ŝirilojn, kaĉigilojn ĉiuspecajn. En heroa, praheroa vervo ili ĵetu sin ŝtorme unuj kontraŭ aliajn k ili revivigu la subliman titanlukton, en kiu la homo konscias pri sia tuta, tute disvolvita plenaĝa bestoforto! Ili glave, sabre, hake, lance frakasadu k pikadu, blekokantante la ritmitan, tiel belsonan Homer-poezion.

Oni al ili instruu, en la lernejoj, la kuraĝon de Raŭlo de Kambre (Raoul de Cambrai), la arton frakasi kranion k fabriki el ĝi pokalon por trinki la vinon de la Venko. Oni konstatas tradici-movadojn, kiuj ĵaluze konservadas la bretonan, priblazonan kulturon. Ni vidas la baskojn, la katalunojn, la elzasanojn, la flandrojn. Sed la mezepok-militartistojn? Kiam ni vidos Kongreson Universalan k Jaran de tiuj novaj adeptoj, en kiu oni povus ĝui la ĝojon admiradi per-ŝtalarmilan racian interbuĉadon laŭ ĉiuj tradicioj de l'arto?

Kia mirindega Atako kontraŭ nia nuna oligarka militismo!

Mi vidas de tie ĉi, skribante, la mienaĉojn de nia generalaĉ-araĉo . . . de nia internacia Ŝnajdr. Tuj necesus, ke li spezu por rabat-aĉeti antikvajn firmorajtojn de iu bankrotinta kiras- aŭ tranĉil-fabrikanto! Kia tutmonda Revolucio!

Mi ĝuas pense de la unika grandioza spektaklo! Kaj mi esperegegas perege de miega tutega animego, kege (pardonu!) ke la malfortika antikva basa voĉo de mi, novadvokato, kato katego, kategego estu aŭdata tra la tuta mondego, per gramofonoj, mikrofonoj, presmaŝinoj, telegramoj, belinogramoj, fotografoj, telegrafoj, televidiloj ĉien disfamkonegata!

Pledo n-o 1-a.

*Majstro Antifuzil, Hakilurb (Insulo de l' Pacifiko).*

---

# Verkistoj k Verkoj

## *„Homoj sur la Tero"*

Romano originala en esperanto de Stellan Engholm.[1]

*EMBA*

La titolo de tiu ĉi libro permesis konkludi, ke antaŭ miaj spiritaj okuloj filmiĝos la vivo de malriĉaj kamparanoj, iliaj lukto, sufero, espero k idealo. . . . Sed la libro prezentas al ni la vivon de etburĝoj-bienuloj, kiuj malgraŭ siaj penoj sur la „tero" ne reprezentas la larĝan tavolon de la teraj vermoj, kiuj lace trenadas siajn kaŝitajn esperojn je pli bela vivo, sur fremdaj drenfosoj. Mi tamen konfirmas, ke pri la libro de Engholm ne eblas paroli nur per kelkaj vortoj, eĉ malgraŭ tio ke ĝi havas gravajn mankojn.

Se mi volus paroli pri la fabelo de la romano, tiam mi povus ĝin resumi per kelkaj linioj.

En la libro de Engholm estas sentebla tiu senmova atmosfero, kiu superregas la verkojn de multaj nordaj verkistoj. Mankas okazaĵoj, nenia viglo, nenia freŝo, nenia movo. La figuroj ŝajnas stari sur la sama loko, ŝanĝante la pezon de unu piedo sur la alian. Ne estas gravaj celoj k idealoj antaŭ la herooj, k tiu fakto rezultigas, ke la romano ne streĉe interesas la leganton k ne incitas lian scivolon. En la libro mankas ĉia romantiko k sentimenteco, kio estas laŭdinda, se ni konsideras la bone pentritajn figurojn; sed samtempe mankas ankaŭ eĉ la plej eta fantazio, per kiu la verkisto estus devinta iom vigligi la rakonton, k tio igas dubi pri la vera kapablo de la aŭtoro.

La maljuna Kristoforo havas tre belan bienon sur Novponto. Post lia morto la filo vendas ĝin al akcisocieto k malŝpare foruzas la monon ricevitan, k kiam li kredas, ke ĉio estas for, liaj edzino k filo (la nepo) reaĉetas la tutan bienon. — Jen ĉio.

Sed per tiu ĉi rakonto Engholm volas prezenti la fortan ligiĝon de terkulturistoj al la grundo. Vane ili deflankiĝas, vane ili ĵetas sin en vivon fremdan al la medio de grenkampoj, en la bruon de la urboj, tamen ili nur sur la kampoj sentas sin hejmecaj k estas feliĉaj. Ili sopiras reiri al la tero, kiel la biblia knabo al sia patro, post la malŝpara disŝuto de sia heredaĵo.

La mankon de okazaĵoj k fantazio la aŭtoro klopodas egaligi per multdetale pentritaj figuroj, kies necertecaj agoj k sensenteco al ĉio bela k nobla, konstante ripetiĝante, efikas iom monotone; sed pri ilia animstato, ilia malvasta mondo, pri ilia memo ni ricevas tre precizan, psikologie arte pentritan bildon, kiu efikas per la forto de realo. Ekzistantaj, troveblaj tipoj, kiuj vivas en la unutona medio de la terkulturistoj k kiujn ni ankaŭ trovas apud la longaj sulkoj.

Engholm arte desegnas figurojn k arte fuŝas figurojn. Ni bezonas rigardi nur la figurojn de la du Kristoforoj k Eskil, kiujn ni vidas en sia senmoveco kvazaŭ starantaj antaŭ ni, sed la figuro de Kampe kompare kun tiuj nomitaj estas ia mortnaskito. Tamen en la pentro je figuroj evidentiĝas la malofte trovebla observokapablo de l'aŭtoro. Precipe la virinaj figuroj estas flegataj de li kun rimarkebla pliŝato.

La maljuna Kristoforo estas senzorga bienulo, kiu alkutimiĝis kredi, ke ĉio iras bone, laŭ pensmaniero k konduto de tipa kamparano. Li eterne cerbumas pri bagateloj, konstruas planojn, sed efektivigas nenion. Li kelkfoje partoprenas en laboroj, sed nur pro amuzo aŭ kaprico. Li pasigas la tempon en sia ĉambro, kie li kovas siajn etajn planojn, k tion ankaŭ li faras nur por la propra amuzo. La bienon prizorgas lia edzino Kajsa, kiu laboras kiel vera sklavo de la tero. Kristoforo tamen estas fiera pri sia bieno k arbaro, kvazaŭ ili estus la rezulto de *lia* peno. Kiam li parolas pri la estonto, li ŝajnas malserioza k pozema:

(p. 35) „Mi devis zorgi por mi mem dum mia tuta vivo k same faru mia filo. Se li ne povas fari tion, li ne meritas ricevi ion k se li povas, li ne bezonas ion."

La tuta individueco de la maljunulo per la priskribo de Engholm aperas tre reala k memkomprenebla.

[3] Armil-industriistoj.

[1] Eldonis *Literatura Mondo*, Budapest. Form. 13,5×20 cm. 201 pĝ. Ilustrita kovrilo. Prezo: bind. 1.—, broŝ. 0.70 us. dol.

La edzino Kajsa estas vera mastrino k estrino super siaj planoj k intencoj. Ŝi donas sian tutan forton k povon por la bieno. Efektive ŝi estras ĉion. Antaŭ ŝi ne ekzistas alio ol la bieno. Krom ĝi ŝin interesas nenio k ĉiuj sentoj, eĉ la patrina, dormas en ŝi.

La sentomondo de la figuroj de Engholm estas stranga, sed ne ŝajnas neebla ĉe la sklavoj de la tero, kiuj elspezas la tutan energion por la konservo de l' propra terpeco. Ĉiuj iliaj penoj koncernas la teron, la profiton, k tiu ĉi monotona avido k lukto mortigas en ili la delikatajn sentojn, eĉ tiujn de la patrino al filo.

(p. 24) „Kajsa ridis k gajis, kiam Kristoforo rakontis siajn historiojn, sed kvazaŭ iu tute fremda persono rakontas ilin. Sama estis la intereso de Kristoforo por ŝi, kiam ŝi parolis pri la mastrumado de la korto. Ŝajnis, ke ili sufiĉe ŝatas unu la alian, sed cetere havas nenian interrilaton. Kaj sama estis la interrilato de la filo al la gepatroj."

Fakte la juna Kristoforo nenion faras por revivigi la dormantajn patrinajn sentojn en ŝi.

(p. 24) „Kio edzo k infano estis al aliaj virinoj, tio la bieno fariĝis al ŝi."

Malfrue, kiam ŝi maljuniĝas k jam ne povas labori, ŝi rimarkas, ke ŝia vivo estis iel malplena, k tiam ŝi kvazaŭ gluiĝas al la nepo prizorgante lin. Sed tiu ĉi evidentiĝo de ŝiaj sentoj tamen ne estas varma sento de patrino, sed ia timo pri la estonto de la iama heredonto de la bieno . . .

La figuro de Kajsa ankaŭ pruvas, ke Engholm kapablas rigardi profunde en la animojn. – La juna Kristoforo post la morto de l'maljunuloj heredas la bienon k, multobligite, la sentaŭgecon k mallaboremon de sia patro:

(p. 41) „Ĉu mi ne devus suferi pro la foriro de mia patro aŭ almenaŭ havi iajn neordinarajn sentojn?"

Sed li ne trovas en si la sentojn de filo al patro. Vendinte la bienon li vivas kiel paŝao en plena nenifarado.

Tre bona figuro estas lia edzino Selma, kiun Kajsa dungis kiel mastrinon-servistinon (!), kiam ŝi mem malsaniĝis pro maljuneco. E. pentras ĉi tie la situacion de malriĉa knabino, kiu devas perlabori sian vivtenon ĉe bienuloj k ne povas eviti la virajn avidojn de l'juna sinjoro. Kvankam E. pentras ŝin ne tre malfeliĉa k solvas la aferon per posta geedziĝo, tamen tiu ĉi figuro staras plej proksime al ni laboristoj.

Ŝi naskas infanon, kies patro estas la juna Kristoforo (kvankam publike li neniam konfesas tion). Li traktas sian filon Eskil kun granda indiferento, kiel serviston; ankaŭ Selma ne tre ardas por la junulo. Nur post kiam li forlasis la hejmon, en ŝi komencas ekvivi patrinaj sentoj. Kiam ŝi rimarkas, ke li iras abismen, malŝparante la monon, ŝi sekrete flanken metas sumojn por lia estonto.

En tiu parto de l'romano E. estus povinta enporti pli da viglo k freŝo, pentrante malantaŭ la figuroj fonajn okazaĵojn. Li kelkloke aludas la militon, sed ne pentras la niaepokan vervon. Enue Kristoforo legas gazetojn, spekulacias laŭmode dum la milito, kredante, ke li komprenas la aferojn, dum efektive li perdas sian kapitalon. Selma tiam konfesas al li sian ŝparadon k la planon reaĉeti la bienon por la filo Eskil. Kristoforo, unue konsternite, fine aranĝas la demandon per laŭta ekrido:

(p. 193) „Estas tre bona historio. Al vi certe ŝajnas, ke mi estis frenezulo, k kompreneble mi estis. Ĉiu vivas laŭ sia koncepto k oni ne povas ŝanĝi tion per saĝaj vortoj. Sed mi kredas, ke mi nun havos bonan estonton."

Jen la pensmaniero de la juna Kristoforo. Li ankaŭ estas sensenta k senimpresa, lin interesas nur la sekurigo de l'estonto.

Eskil reaĉetas la bienon per la mono ŝparita de l' patrino k per pruntita sumo. Tiel E. prezentas antaŭ ni tri generaciojn. Li pentris al ni figurojn kun multe pli da sukceso ol kiu ajn ĝis nun konata esp. verkisto, sed li devas ankoraŭ evolui, kvankam li havas grandan avantaĝon efiki per realismo. Lia plumo montris al ni etburĝojn senzorgajn k sensentajn. Ni ŝatus, ke li montru al ni laboristojn kun celoj k sentoj. Ni kredas, ke li sukcesos forskui ankaŭ tiun pezan monotonecon, ĉar ni vidis, ĉe la fino de l'romano, la figuron de Ingvid. Hodiaŭ la vivo estas plena de problemoj k furiozaj luktoj, k ni emas kredi, ke la aŭtoro ankaŭ kapablas ekvidi tiujn k pentri same arte kiel siajn nun pentritajn figurojn. Per unu paŝo pli proksimen al ni, kiuj fakte estas sur la tero, sed *sen* bienoj, k tiam ni salutos la verkiston.

Engholm estas verkisto.

---

## *La kvardekjara verkista jubileo de Maksim Gorki*

La 25-an de septembro 1892 la Tiflisa ĵurnalo *Kaŭkazo* publikigis novelon: *Makar Ĉudra.* La aŭtoro estis doninta sian manuskripton sen subskribo. Kiam oni klarigis al li, ke tio ne estas laŭregula, li respondis: – Nu do! . . . subskribu: Maksim Gorki . . . M. Gorki . . .

La nomo diris nenion al la legantoj, krom ke ĝi tradukite signifas „amara". Sed tiu, kiu sin kaŝis post la pseŭdonomo, ne estis nekonato: Aleksejo Maksimoviĉ Peŝkov, tiutempe dudek-kvar-jara, posedis multajn rilatojn (ne inter literaturistoj!). Ĉifonisto en aĝo, kiam riĉulaj infanoj lernas pianludi k bonkonduti, li estis sinsekve komizo en ŝumagazeno, desegnist-lernanto, ŝipa kuirhelpisto, ikon-pentristo, birdovendisto, portisto en la Volga-havenoj, ĝardenisto, ĥoristo, bakisthelpanto, fiŝkaptisto, noktgardisto en stacio, bierfareja oficisto, ktp. Dum du jaroj li piedvagadis tra la regionoj de Volga k Don, Ukrainio, Krimeo k Kaŭkazo. Li ligiĝis kun vaguloj, laboristoj, fervojistoj. Li observis el proksimo la vivon en la cara Rusio, k liaj opinioj formiĝis dum tiu spertado.

La vivo instruis al la juna Peŝkov, ke la homaro dividiĝas en subprematojn k subpremantojn, ke la cara Rusio estas vasta polic-entrepreno, estrata de Nikolao Romanov, parte federita kun la „malbonintenca popolaĉo" de l'lando, de ĉiuj landoj. Praktikinte 20 metiojn, Gorki dediĉas sin al 21-a en 1892, al la ĵurnalismo, la literaturo. En tiu jaro li estas unuafoje arestata, en 1896 li edziĝas, en 1898 li estas duafoje arestata. La nomo de Gorki komencas esti konata. En 1898 eldonisto aperigas du novel-volumojn. Li akiras gloron tiel subitan, kian ne konis antaŭ li alia verkisto (escepte de Bajrn [Byron]). Liaj fotoj aperas en la montrofenestroj, karikaturoj en la unuaj paĝoj de ĵurnaloj, pentristoj faras lian portreton, plej mizeraj kvaraklasaj vojaĝantoj ricevas la kromnomon „Maksim Gorki". Unuafoje en Rusio la eldonkvanto de libro atingas cent mil ekzemplerojn.

Tiun popularon li ŝuldas ne sole al sia verkista talento, sed ankaŭ al sia kontakto kun la laborista movado, al la fakto, ke en liaj verkoj reflektiĝas la



realo. La kelkfoje naiva optimismo, la volita krudo de l'unuaj verkoj de Gorki, lia kono pri Rusio, nenia filozofia abstrakto, sed historia realo, la homo mem partoprenanta en la batalo, renversas la rusan socion. Instinkte Gorki iras al la socialdemokratoj, al la bolŝevikoj. De tiu momento datiĝas lia amikeco kun Lenin, kiu daŭris ĝis la morto de tiu lasta.

En 1901 li denove estis arestata, sed post nelonge liberigata. En 1903 li aliĝis la ĵus fonditan bolŝevikan partion; dum la revolucio de 1905 li organizis la ĵurnalon „Novaja Ĵizn", kies redaktoro estis Lenin. En decembro 1905 li partoprenis en la organizado de l'ribelo. En 1906 la partio sendis lin Usonon por kolekti monon por la revolucio. Dum tiu propaganda vojaĝo li verkis unu el siaj plej belaj verkoj: *La Patrino.* En okcidento oni disvastigis ĝin per du milionoj da ekzempleroj, kiel gazet-aldonon al laboristaj ĵurnaloj. Sed en Rusio la cara registaro konfiskis k malpermesis tiun novelon; ĝi tie aperis nur post la revolucio, en 1917.

La reakcio baldaŭ devigis lin elmigri k fiksiĝi en Italio, kie li verkis k publikigis multnombrajn verkojn. En 1912 aperis pluraj liaj rakontoj en la bolŝevika ĵurnalo *Zvezda,* kiu povis aperi leĝe en Rusio, pro iagrada malrigoriĝo de la reakcio. En 1913 Gorki fariĝis literatura redaktoro de l'bolŝevika ĵurnalo *Prosveĉenje.* En tiu jaro aperis *Infaneco.* Depost la revolucio li publikigis „La Artamonof-oj" k fine „Klim Samguine", kiu reprezentas iel la sumon de l'tuta intelekta k socia vivo de la Rusio de l'lastaj jardekoj. En tiu lasta verko de Gorki la kuriozaj, pitoreskaj aŭ profundaj paĝoj abundas.

Dum la jaroj de l'civilmilito, malsato k epidemioj li dediĉis sin al la defendo de l'arto k scienco. En 1921 lia sanstato malpliboniĝis k li estis devigata eksterlandiĝi: li pasigis la vintrojn en Italio, la somerojn en Moskvo. Li direktas multajn literaturajn kolektojn, fondas sciencajn institutojn, subtenas per siaj konsiloj grandan parton de l'junaj sovetiaj verkistoj, partoprenas en laboroj de eldonejoj, akademioj k verkas artikolojn.

Oni povas diri, ke Maksim Gorki estas la sola artisto, kiu konservas la nuntempan literaturon ĉe universala nivelo; lia idearo restis tra la jaroj neŝanĝite proleteca. Tial ne nur la sovetia proletaro, sed la tutmonda k precipe ni SAT-anoj havas plenan motivon honore konscii pri lia agado okaze de lia jubileo.

## *Kaj la Internacio triumfu en tutmond'!...*

Antaŭ malmultaj monatoj mortis *Petro Degeter* (Degeyter) en Sankta Dionizo, antaŭurbo de Parizo, kies komunista urbestraro havigis al li grandiozan enterigan solenon.

Certe ne multaj el tiuj, kiuj kantas, jen laŭte, jen murmurete la revolucian rekantaĵon tra la tuta mondo: *„Por finlukto socia ni grupiĝu en rond', Kaj la Internacio triumfu en tutmond'!"* scias pri la historio de tiu kanto k pri ĝiaj aŭtoroj.[1] Petro Degeter estas tiu, kiu verkis la entuziasmigan melodion, sub kies sonoj manifestacias la amasoj da subprematoj sur la tuta terglobo. La tekston verkis Eŭgeno Potje (Pottier), kiu naskiĝis en Parizo, en 1816, el laborista familio, en 1848 batalis sur la barikadoj, dum la sieĝo de Parizo (1871) estis adjutanto de bataliono de la nacia gvardio, k kiel ĉiuj tiamaj revoluciuloj estis por la „ĝismorta milito" . . . Estante komunano, li sukcesis post la malvenko forkuri Anglion k Usonon. Post la amnestio li aktivis en Francio kun Julio Ged (Guesde) en la Laborista Partio k mortis la 6. sept. 1887. „La Internacio" troviĝas inter la poemkolekto de li verkita sub la titolo „Revoluciaj kantoj".

Unue oni ne multe atentis tiun poemon. Nur en 1888 G. Delori (Delory), poste urbestro k deputito de Lil (Lille), elektis ĝin por ĥorpropagando. Li montris la versojn al metieja kamarado, P. Degeter, k petis lin fari muzikon por ĝi. Post 3 tagoj tio estis farita . . Kaj depost 1888 la kanto disvastiĝis en la Nordfrancia regiono; ĝi estis prezentata unue nur ĉe franciaj lab. kongresoj, k fine ankaŭ ĉe la internaciaj (unuafoje en Ŝtutgart — 1907, k en Kopenhago — 1910). Tiam ĝi definitive anstataŭis „La Marsejezo"-n. Fine la rusa revolucio faris el ĝi la oficialan himnon de l' Sovetia regno.



Degeter naskiĝis en Gento (Gand) en okt. 1848 kiel fabriklaboristido. Sepjara, li jam devis laborgajni en fabriko, sed li fervore studis k legis post la laboro. Li partoprenis dum du jaroj konservatorian muzikkurson, fariĝis poste lignomodelisto, forlasis Lil-on en 1902 k fiksiĝis de tiam ĝis sia morto en Sankta Dionizo, unue membro de l'socialista, poste de l'komunista partio.

*Kantemulo.*

[1] Detala artikolaro pri tio aperis en *Sennaciulo,* n-oj 257—261.



# S C I E N C O

## *Historio*

### La antaŭhistorio de SAT

*G. P. de Bruin.*

*Kiam post la fino de la mondmilito iom post iom estiĝis situacio, kiu ebligis denove laboradi por esperanto, grupo da laboristaj esperantistoj en Parizo revivigis la antaŭmilitan gazeton* L e  T r a v a i l l e u r  E s p e r a n t i s t e *(Laborista Esperantisto).*[1] *Ĉi tiu gazeto, reaperinta en aŭgusto 1919 k redaktita de nova esperantisto, K-do E.* A d a m  (L a n t i), *faris la unuajn paŝojn por restarigo de la kontakto inter la diverslandaj laboristaj esperantistoj k propagandis kiel unua la ideojn, tiutempe ankoraŭ ne tute klarajn, de la posta SAT-movado.*

Kvankam *Le Travailleur Esperantiste* estis propaganda poresp-a gazeto, ĝi tamen publikigis dekomence internacian esperantlingvan rubrikon titolitan „Esperantista Laboristo“, kiu celis esti komuna parolejo, renkontiĝejo, interligilo por diverslandaj K-doj. La redakcio turnas sin „Al la tuta Internaciistaro“ per jenaj vortoj:

Per ĉi tiu numero „Esperantista Laboristo“ sendas al ĉiuj *veraj* internaciistoj el ĉiuj landoj sian plej koran saluton.

Trans la fikapitalistaj landlimoj ni aletendas la manojn al niaj samsentanoj, samopinianoj el la tuta mondo.

Kun vi, karaj geamikoj, ni deziras starigi nevenkeblan Internaciistaron, kiu malpermesos, malhelpos, ke oni vidu, estonte, alian teruran, hontigan hombuĉadon, kiel la lasta, kvinjara. Ĉu vi aŭdos nin?

Ni malpacience atendas vian respondon.[2]

Ĉi tiun alvokon ni povas konsideri kiel la unuan paŝon sur la vojo al reunuigo de la tutmonda laborista esperantistaro. Ĝin sekvis aliaj. Laŭ iniciato de K-do Adam (Lanti) eklaboris en Parizo kelkaj K-doj por restarigi la antaŭmilitan internacian asocion *Liberiga Stelo.* Ili sukcesis konvinki la estraron de la fama Pariza kooperativo *La Belvilŭaz* („La Bellevilloise“) pri la valoro de esperanto k pri la utilo de *Liberiga Stelo.* Rezulte de ĉi tio ili ricevis promeson pri ĉiujara subvencio de 500 frankoj, senpagan ĉambron por kunvenoj k lokon por esperanta biblioteko. Ĉi tio estis tre grava atingaĵo, ĉar ĝi ja parte certigis la materian vivon de la asocio.

Ekfunkciis la „Centra Komitato de Liberiga Stelo“, konsistanta el K-doj Brosje (Brossier), Skup (Scoup) (malnovaj membroj de L. S.) k Lanti, Glodo (Glodeau), Banje (Bannier) (novaj membroj de L. S.). Depost oktobro 1919 ĝi kunvenis regule ĉiumonate. Ĝi sendis al ĉiuj (ĉirkaŭe 70) antaŭmilitaj membroj de L. S. cirkuleron. Nur kelkaj respondis. Multaj jam estis mortintaj aŭ ne plu okupis sin pri esperanto. Krome inter tiuj 70 membroj estis ankaŭ subtenantaj. En *Le Travailleur Esperantiste* de oktobro 1919 aperis alvoko por restarigo de L. S.

Dume la esperantlingva rubriko de la nomita gazeto daŭre kreskis. El kelkaj kolonoj, kiujn ĝi okupis en la komenco, iĝis kelkaj paĝoj. Tiuj paĝoj tiel pliampleksiĝis, ke ili baldaŭ superis la franclingvan parton de la gazeto. Kaj fine en aprilo 1920 aperis *Esperantista Laboristo* kiel memstara gazeto.

[1] Legu: *Vortoj de K-do E. Lanti,* pĝ. 6.
[2] *Le Travailleur Esperantiste,* n-o 1, aŭg. 1919.


AOUT 1919.

LE TRAVAILLEUR ESPERANTISTE

SOCIALISTE * SYNDICALISTE * INTERNATIONALISTE

ESPERANTISTA LABORISTO

En la unua memstara numero de E. L. troviĝis i. a. artikoleto „Ĉu internacia aŭ sennacieca organiziĝo?“ de *Aseto* (Lanti)[3] responde al artikolo pri la organiza temo de Aso (A. Sproeck) aperinta en *Deutscher Arbeiter Esperantist* (Germana Laborista Esperantisto).

En ĉi tiu artikoleto la aŭtoro rimarkigas, ke ĉe la eksplodo de la mondmilito, socialistoj, anarkistoj, kontraŭmilitistoj k aliaj istoj, kiuj nomis sin internaciistoj, estis atakataj de la patriotisma febro k defendis la partoprenon en la milito. Li konkludas el tio, ke ekzistas ankoraŭ forta sento de naciismo. Ĉi tiu naciismo estas kaŭzita de la fakto, ke ekzistas nacioj k ĉi tiuj ekzistas precipe pro tio, ke la lingvoj de la popoloj estas malsamaj. Tial necesas laŭeble ignori la naciojn, celi al ilia forigo, naski supernaciecan senton. Oni estu unue esperantistoj, homoj, due nacianoj. La konkludon el tio, rilate al la organiza demando, la aŭtoro lasas al la legantoj.

La Centra Komitato daŭrigis sian laboron. Ĝi komencis konformigi la malnovan statuton de L. S. al la nova aliiĝinta situacio. Ĝi interkonsiliĝis kun diverslandaj K-doj k grupoj (membroj k nemembroj de L. S.) k el la komuna laboro estiĝis projekto de nova, plibonigita statuto. Ĉi tiu projekto estis dissendata en 12 diversajn landojn k ricevis preskaŭ ĉie neatenditan, entuziasman laŭdon.

La artikolo unua de la „Statuto ŝanĝita laŭ la ĝenerala referendumo de 1920“ tekstas jene:

„Estas fondita sub la nomo ‚Liberiga Stelo‘ tutmonda asocio celanta:

a) diskonigi, disvastigi la uzadon de la Zamenhofa lingvo esperanto, ĉe ĉiuj komunistaj, kooperativaj, liberecaj, sindikataj, socialistaj medioj, ĉu per kursoj, presaĵoj, paroladoj, ĉu alimaniere;

b) pruvi al la popolamaso la utilon, la taŭgecon de la lingvo esperanto;

c) agi tiamaniere, ke plej baldaŭ ia internacia kongreso de la Laborklaso decidu definitive pri la demando de Universala lingvo, k ĝin solvu per esperanto;

d) batali ĉiumaniere kontraŭ militarismo, ĉiuj dogmoj k antaŭjuĝoj: bazo de l' Kapitalista Sistemo, k ĝenerale, kontraŭ la baroj, kiuj malakcelas la plenan liberigon de la Proletaro;

e) krei socialistan literaturon en esperanto k laŭpove peri la tradukon de bonaj modernaj verkoj;

f) propagandi niajn ideojn ĉe la neŭtrala esperantistaro;

g) plifaciligi la ĉiuspecajn rilatojn inter la anoj, k ilin klerigi pri la politika k ekonomia situacio de alilandoj;

[3] Represita en *Vortoj,* pĝ. 47.

h) servi kiel peranto ĉe la internaciaj rilatoj de neesperantistaj laboristaj organizoj aŭ entreprenoj, ĉu komunistaj, kooperativaj, liberecaj, sindikataj, socialistaj ktp."

Artikolo 5-a tekstis:

neniu nacia sekcio aŭ federacio estas oficiale akceptata.

(Finota.)

## *Lingvoscienco*

# Esperanto k la lingvoj el la mondo

L. JIRKOV.

El ĉiuj projektoj de artefaritaj internaciaj lingvoj ne pereis k vivas nur esperanto. Nur ĝi havas ŝancojn por pluaj sukcesoj, por plua evoluado.

Kia do estas klarigo pri tiu fakto?

Ni scias la ĉefajn kvalitojn de esperanto: 1) internacieco de la komuneŭropa terminologio k vortaro, 2) la pleja simplo de gramatiko. Ĉu la internacia lingvo devas havi nepre tiajn kvalitojn? Jes, tiajn.

La komuneŭropa teknika terminologio fariĝas aŭ almenaŭ komencas fariĝi tutmonda. La kulturaj lingvoj el Azio alprenas ĝin pli k pli. La grek-latina terminologio, pro tio, ke Eŭropo iras antaŭ ĉiuj laŭ la vojo de teknika progreso, venkas ĉiujn siajn konkurantojn. Ĝi havis du konkurantojn, kiuj estis k ankoraŭ estas konsiderindaj: la terminologio araba k la terminologio ĉina. La araba lingvo estas speciale oportuna por farado de teknikaj terminoj (pro granda reguleco de sia vortderivado), k la arabaj terminoj estis vaste uzataj en ĉiuj lingvoj de la islama kulturo. La vortoj kiel *socialisto, revolucio, ekonomio* — ĝis nun ekzistas ĉe tiuj popoloj en araba lingva formo. Sed tiuj ĉi terminoj jam delonge bataladas kontraŭ terminoj de eŭropa latina deveno, plejparte en franca formo, k ekzemple la vorto *socialisto* en persa lingvo nuntempe pli ofte jam estas uzata en la formo *susialist*, ol en la araba formo *eŝteraki* (laŭsence: *sociiĝanto)*. Preskaŭ sama estas la situacio de la ĉina lingvo, alia grava fonto de terminologio. La ĉina terminologio estis k estas uzata en Japanio k en aliaj landoj de Malproksima Oriento. Kaj ankaŭ tie, precipe en Japanio, ni povas observi la alfluadon de eŭropaj terminoj en angla formo. La komuneco de kulturo k ĝia teknika bazo tiele kreas mondampleksan komunecon de terminologio, komunecon de la granda parto de vortprovizo en la lingvoj. En malproksima estonto tiu ĉi aklaminda procedo ekhavos alian kvaliton: oni povos konsideri ĝin kiel ekiron al la komuna ununura monda lingvo. Dume tamen ankoraŭ la terminologia komuneco nur vortare k eĉ nur parte, unuigas la lingvojn, diversajn laŭ gramatika formo. Dume ankoraŭ devas daŭri la stadio de ekfloro k de plua disvolviĝo de tiuj ĉi naciaj lingvaj formoj. Sed la artefarita helpa lingvo devas akceli tiun terminologian komunecon.

Tiel faris Zamenhof en sia esperanto. Li akceptis kiel ion jam donitan ĉion ekzistantan en eŭropa komuna terminologio, k li sukcese evitis kolizion inter la bone prilaborita terminologio k pleje simpligita gramatiko. Tie, kie la pleje simpligita gramatiko kapablis liberigi nin de terminologia nereguleco, en esperanto ĝi efektive faris tion. Regule derivitaj vortoj: *instrui, instruado, instruisto* — utiligas unu konatan internacian radikon; same la vortoj: *redakti, redaktado, redaktisto, redaktejo.* La terminoj *vorto, vortaro* — forigas nekonformecon de germana *Wörterbuch* k angla *dictionary*, franca *dictionnaire*, kiu ekzistas flanke de komuneco de germana *Wort* k angla *word*. En tiuj ĉi ekzemploj la gramatiko fariĝas kvazaŭ regulilo super la vortaro. malpligrandigante ĝian bazan provizon de radikoj. Tio ĉi estas precipe utila por tiuj popoloj, en kies lingvojn la komun-eŭropa terminologio nur eniras aŭ komencas eniri, t. e. por la popoloj de islama k malproksim-orienta kulturaj rondoj. Tio ĉi permesas al ili, ne rompante la terminologian komunecon kun Eŭropo k Ameriko, plifaciligi por si la aferon de alproprigo de internacia vortaro.

Ni vidas, ke esperanto en sia vortaro estas ĝuste tia, kia devas esti racie konstruita helpa internacia lingvo por nia epoko. Tio ĉi garantias ĝian sukceson.

Sed kiel staras la afero rilate al la gramatika strukturo de esperanto?

Ĝi estas pleje simpla. Eble, tio eĉ sufiĉas. La internacia helpa gramatiko devas esti simpla. En la epoko de kreado de volapük k esperanto tiu ĉi simplo de gramatiko estis komprenata kiel simplo, k nenio alia. Ĉiuj vidis en tiu ĉi simplo praktikan sencon, opiniis, ke la simplo estas praktike pravigita k ke tio sufiĉas. Ĝia lingvistika senco, ĝia lingvistika pravigo restis nerimarkita. Ĝi eĉ povis esti nerimarkita, ĝis en la nova lingvistiko ekskiziĝis la solvo de l' problemo pri la stadia evoluado de ĉiu lingvo k de ĉiuj lingvoj en la mondo. Per tio ĉi estis lumigita la tipologio de la nun ekzistantaj lingvoj, aperis la eblo prijuĝi la problemon pri la disvastiĝo k pliofteco de la diversaj lingvaj tipoj sur nia terglobo, k en diversaj sociaj k geografiaj kondiĉoj de la homaro.

La nuntempa stato de niaj konoj pri lingvotipoj kondukas nin al la konkludo, ke ekzistas la *amorfa, aglutina* k *fleksia* stadioj de la lingvo. Tamen tiuj stadioj travivas unu la alian laŭ la dirita kronologia sekvo. Ne ekzistas lingvaj „familioj" deĉiam fleksiaj aŭ deĉiam aglutinaj. La procedo de trairo el unu stadio en la alian (precipe en la lingvo) estas komplikata per la amasiĝo en ĉiu lingvo de la jam ŝtoniĝintaj postvivaĵoj de ĉiu antaŭa stadio. En ĉiu lingvo ekzistas tiele „multstadieco". La stadioj ambaŭflanke trairas unu la alian, k nur ekturnaj momentoj de lingvaj krizoj transigas lingvon plej difinite el unu stadio en la postan.

Kaj oni devas atentigi, ke, kvankam la fleksio kronologie ĉiam postsekvas la aglutinon, tamen tio tute ne signifas, ke fleksia lingvo nepre laŭ struktura vidpunkto estas pli komplika, ol aglutina. Povas esti male. La menciitaj tri stadioj baze rilatas al la divideblo de la parolo, sekvante la komunan linion de evoluado de la lingvo for de la nedividebla duonanimala krio ĝis la plej dividebla parolo de la nuntempaj kulturaj popoloj. La pligrandiĝo de divideblo konformiĝas kun la kreskado k diferenciĝo de parolaj komunikaj bezonoj, kiuj siavice staras sur la bazo de ekonomia progresado, k en nia epoko speciale sur la pligrandiĝanta kolektiveco de la mastrumado, revolucie refarata. En la amorfa stadio ni havas preskaŭ la tutan vortprovizon de la lingvo en la formo de neŝanĝeblaj vortoj; en la aglutina stadio ni ankoraŭ havas grandan kvanton da stabilaj nedivideblaj aŭ apenaŭ-divideblaj lingvaj elementoj kun universala signifo (afiksoj). Fine, transirante al la fleksio, ni preskaŭ entute perdas tiun ĉi provizon de universalaj afiksoj, k ĉiuj elementoj de la lingvo disfalas je apartaj kombineblaj unu kun alia sonoj (fonemoj). Tia estas la evoluado de la sona divideblo de parolo; kun ĝi paralele evoluadas ankaŭ la senca divideblo. Ĉe la aglutino la aliigo de senco rezultas per la kombinado de la elementoj, kiuj havas la karakteron de memstaraj afiksoj (kvankam povantaj enhavi nur unu sonon), ligitaj kun konstanta signifo. Ĉe la fleksio la ŝelo de la memstaraj

formantaj afiksoj eksplodas, k plejparte perdiĝas la konstanto de ilia signifo. Aperas multeco da tipoj de formantaj afiksoj, la komplikeco de iliaj reciprokaj kombinoj, multeco da tipoj k komplikeco en la sistemoj de deklinacio k konjugacio. Sed sammomente komenciĝas la procedo de mortiĝo de parto de tiaj eksplodintaj k detruitaj afiksoj, k tio precipe kiam helpas la lingva intermiksiĝo (la angla, la persa lingvoj) — povas rezultigi la neniigon al la plejparto da formantaj sistemon fleksioj, k kiel pluan sekvon — denove la plisimpliĝon de gramatiko. La angla lingvo restas fleksia, ĝi estas ĝisfine dividebla je apartaj sonoj, ĝi konservas eĉ post-restaĵojn de multeco da tipoj de deklinaciaj k konjugaciaj paradigmoj, sed ĝi jam estas simpla laŭ sia gramatika strukturo, k pli simpla, ol multaj aglutinaj lingvoj. (Daŭrigota).

# RESPONDOJ

II. K-do L. M. — *En la 6-a n-o de „Lingva Kritiko“ Teo Jung asertas, ke „deflankiĝi“ povas logike nur signifi „iĝi de la flanko“, do la malon de tio, kion oni intencas esprimi per ĝi. Ĉu prave?*

Ne. La eraro venas de tio, ke T. J. konfuzis du ŝajne similajn, sed efektive tre diferencajn formojn de kunmetado, kiuj ambaŭ konsistas el prefiksa prepozicio aŭ adverbo, substantiva aŭ substantivigita radiko k sufikso IG aŭ IĜ. En la unua procedo, la plejofte uzata, la radika substantivo estas la komplemento de la prepozicio aŭ adverbo, ekz. *albordigi* (= igi al bordo), *senplumigi* (= igi sen plumojn). La duan, pli maloftan, ni signis en speciala noto de la *P. V.*, sub IG (I° D Rim. 3). En tiu tipo, la substantivo *ne* estas la komplemento de la prepozicio aŭ adverbo, sed formis kun la sufikso unuagradan kunmeton, al kiu aldoniĝas duagrade prepozicio rilatanta kun subkomprenita vorto, ekz. *subordigi estas* ne *igi sub ordo*, sed *ordigi sub, igi en ordo sub io alia*. Saman rimarkon oni povas fari pri IĜ: *deflankiĝi* estas ne *iĝi de flanko*, sed *flankiĝi de, iĝi flanken de io; enradikiĝi* estas ne *iĝi en radikon*, sed *radikiĝi en, iĝi radiko en ion*. Aliaj tiutipaj kunmetoj estas: *interkruciĝi* (kruciĝi reciproke), *surprofiliĝi*, *elreliefiĝi*, *forŝipiĝi* (ŝipveturi for de), *detavoliĝi* (disiĝi de io laŭ tavoloj), *elvaporiĝi*, *suramasiĝi* (iĝi amaso kolonforma) ktp. La kunmetaĵoj kun *ŝipo* montras bone la diferencon inter ambaŭ procedoj: *enŝipiĝi* estas *iĝi en ŝipon*, dum *forŝipiĝi* estas ne: *iĝi for de ŝipo*, sed *iĝi ŝipe for de io*. Laŭ la pura abstrakta logiko, povus okazi konfuzebloj inter ambaŭ tipoj: sed oni devas memori, ke kunmetado estas mallongiga procedo por komprenigi ion per *aludo*, ne per scienca *difino*. En kunmetaĵo enestas ĉiam pli da signifo ol en ĉiu el la apartaj elementoj: *vaporŝipo* estas io alia ol *vaporo* + *ŝipo*, ĝi estas *ŝipo* (movata helpe de akva) *vaporo*. Por analizi kunmetaĵojn oni devas do ĉiam konsideri la eblojn k utilojn: *forŝipiĝi* ne riskas esti komprenata „foriĝi de ŝipo“, ĉar oni ne bezonas specialan vorton por tio, krom „elŝipiĝi“. Kontraŭe oni bezonas vorton por „foriĝi ŝipe for de io“. Same la analizo „iĝi inter krucoj“ havas nenian signifon k tial la spirito ne hezitas pri la vera signifo de *interkruciĝi*. Deklari, ke tiaj kunmetaĵoj estas kondamnindaj k evitendaj, estas malŝati la popolan lingvinstinkton, kiu kreis ilin, k misjuĝi la vivan flekseblon de nia lingvo. Similan eraron, k ĝuste pri la vortkunmetado, kulpis ido, k pro tio ĝi mortis. Tiu morto estu almenaŭ por ni instruo.

*G. W.*

## XIII-a Kongreso de SAT en Stokholmo.

5.—10. aŭgusto 1933.

### Dua komuniko.

En la kunsido de O.K.K. la 20-an de nov. estis decidite pri du kongreskotizoj interkonsente kun la Direkcio de SAT. La kongreskotizo por SAT-anoj estas fiksita je *3 kronoj svedaj*, por neanoj de SAT je *5 kr*.

**Poŝtĝira konto:** Por plifaciligi la sendon de mono, O.K.K. malfermis konton poŝtĝiran kun la numero 550 35. Aliĝilon oni sendu aŭ al la XIII-a Kongreso de SAT, Upplandsgatan 1.3 tr. ö. g., *Stockholm*, aŭ al la administrejo de SAT, Colmstr. 1, *Leipzig O 27*.

*Aliĝilo validas nur post la ricevo de l'kotizo.*

**Loĝejoj:** Pro specialaj malfacilaĵoj en Stokholmo, rilate la loĝejan demandon, O.K.K. ne povas garantii senpagan loĝejon. Tamen estos aranĝata amasloĝejo k tendaro. Pri tio pliajn sciigojn poste.

Ĉiun korespondaĵon pri aliĝo, frakciaj aŭ specialaj kunsidoj ktp., oni sendu al *XIII-a Kongreso de SAT*, Upplandsgatan 1, 3 tr. ö. g. *Stockholm*.

O. K. K.

## AL NIA LEGANTARO!

*Hodiaŭ ni prezentas al vi kajeron konsistantan ekskluzive el originaloj. Ni donas al vi per tio okulfrapan pruvon, ke en niaj vicoj ne mankas K-doj verkokapablaj k pretaj helpi al la kreado de vere originala, variaspekta k nepre viviginda revuo. Multnombriĝas la kunlaborantoj. Ni eĉ ne povis doni spacon en tiu ĉi kajero al ĉiuj originale por „LNE“ verkantaj K-doj; tiel ekz. ni devis prokrasti la aperigon de l'fino de „Ombroj ekvivas“ (Dambe), kion ni bedaŭras. Ĉiuj volas kvazaŭ pravigi nian optimismon, demonstri, ke „La N. E.“ havas ekzistorajton. Jes, K-doj, nia revuo povas k devas vivi! SAT devas vivigi organon, en kiu esperanto estas ade uzata k elprovata sub literatura formo k en kiu ni povas belarte k imprese manifesti por niaj idealoj!*

*Ĉu ĉiuj estas komprenintaj tiun neceson post la aperigo de kvin tiaj ampleksaj kajeroj, kia estas tiu, kiun vi tenas en manoj? Kaj konsekvence, ĉu oni vaste agitas k varbas por nia revuo? Rezultoj, K-doj, estas atingitaj, sed ili estas malsufiĉaj. Por eldonadi daŭre tian revuon, ni bezonas multe pli intensan subtenadon . . . Ni bezonas agojn kiel tiun de la Stokholmaj SAT-anoj*

*11 020, 17 815, 13 559, 13 560, 13 131,*
*11 848, 14 090, 13 782, 16 901 k 14 565,*
*kiuj kolektis* **270 sv. kronojn.**

*Sed plej grava estas la varbado je novaj abonantoj. Tion ĉiam pripensu. Ni rekomendas aranĝi en tiu ĉi vintro almenaŭ unu LITERATURAN VESPERON en ĉiuj rondoj. La rezulto de tiaj vesperoj, organizitaj sub la devizo: POR LA NOVA EPOKO! ne povas esti negativa. Tiuj aranĝoj donos certan rikolton, ili helpos efike plivastigi la abonantaron k influon de nia gazeto!*



# LA PAĜO DE L'FILOZOFO

## Johano Lok (John Locke) naskiĝis antaŭ tricent jaroj

En la jaro 1632 naskiĝis la granda angla filozofo Johano Lok, la fondinto de l'kritika empiria teorio. Spinoza k Lok, naskitaj ambaŭ en la sama jaro, enkondukis novan tempon de l'pensado k eĉ de l'politiko.

La 18-an jarcenton oni prave nomas la jarcenton de l'raciismo. La anglaj k francaj filozofoj ebenigis tiam en ĉiuj aferoj de la vivo la vojon al la regado de l'racio, k ili preparis depost tiu epoko ĝis la hodiaŭa tago la tutan spiritan laboron per la ideoj pri toleremo, pri spiritlibero, pri konstanta serĉado al la vero anstataŭ akcepto de ĉiam valoranta revelacio. Ne tiel klara estas la ĝenerala scio de niaj samtempuloj pri la 17-a jarcento, la jarcento de l' transiro el la mezepoko en la modernan epokon. Ĉi tiu ja ne nur komenciĝas per Kolombo k Luter, sed samgrade tiel per la imperiistoj de l'17-a jarcento, per Kromŭel (Cromwell) k Ludoviko la XIV, per la ideoj pri la toleranta ŝtato, per la *senantaŭjuĝa* pensado de Kartezio (Descartes), Spinoza k — LOK.



Ni ekkonas la signifon de Lok plej bone per komparo kun antaŭaj tempoj. Ĝis tiam oni tute ne estis demandinta pri la kielo de l' homa spertado, sekve ignoris la fontojn de ĝiaj mankoj. Oni ĉiam nur demandis, kiel oni povus *ĝuste interpreti* la dian revelacion, kiu estis deponita en iu libro, la biblio aŭ la korano. Kaj oni kontraŭbatalis unu la alian ĝis fizika ekstermo pro la ĝusta interpretado k milope liveris sin reciproke al la eŝafodo.

Tiam ekaperas, kompreneble ne tute kiel fulmo el serena ĉielo, sed jam spirite preparite, homo kiel Lok k *esploras* la procedon de l'pensado k spertado. Li demandas, kiam niaj juĝoj rajtas pretendi esti akcepteblaj. Li diras, ke la dia revelacio povus esti akceptata nur ĝis tia grado, ĝis kia ĝi akordas kun la ekkonoj de nia racio. La malnova tezo: „Mi kredas, ĉar estas absurde," trovas en li la plej akran kontraŭulon. Li do investas la homan racion kiel juĝiston super la dia revelacio, k per tio li iniciatis la procezon, kiu trans Volter (Voltaire), Ludoviko Fojerbaĥ (Feuerbach), Karlo Marks kondukas al la liberpensuloj de l' moderna epoko.

La plej konata termino de Lok estas tiu de l' *Tabula rasa*, de l' senmakula tabulo. Li supozas, ke la homo en la infanaĝo komencas sian vivovojon sen tielnomataj ennaskitaj ideoj, k per tio li kontraŭas al la tuta antaŭa pensado. Oni ĉiam asertis, ke la Kreinto surstampis al ĉiu homo difinitajn karakterizajn signojn, kiuj neeviteble difinas liajn pensadon k volon. Ke same ĉiu homo havas iujn religiajn k etikajn elementajn konceptojn, el kiuj li ne povus liberigi sin.

Lok estas *empiriisto*, tio signifas: scienculo sin bazanta sur la spertoj. La medio, la unuaj impresoj, la unuaj imagoj difinas laŭ li la pensadon de ĉiu estulo, kiu poste konsekvence pluevoluadas.

Ĉe unu punkto tamen Lok ne estas konsekvenca en siaj ideoj pri toleremo. Li mem havis senton de pio el pli ĝenerala speco; li simpatiis kun la kvakeroj (religia sekto protestanta puritana). Pro tio li ne volis scii aplikata la toleremon al la *ateistoj*. Evidente li konsideris la neantojn de dio kiel kontraŭsociajn elementojn. Tio kompreneble estis tute nelogika. Ĉar se la ateismo naskiĝas el konvinko k servas al la emo pri ekkono, tiam ĝi ja unuavice devas esti tolerata laŭ la principoj de Lok. Homo kiel Niĉe (Nietzsche) tute ne havus lokon en la homa socio imagata de Lok.

Pri tiu ĉi socio Lok aliflanke havis multajn tre bonajn ideojn. Li klare malakceptas la makiavelistan diktatoran ŝtaton de sia samtempulo Hobs (Hobbes) — en lia famkonata verko „Leviatan". Li asertas, ke la ŝtato estiĝis per la libera interkonsento de siaj anoj. En tio li estas rekta antaŭulo de Ruso (Rousseau). Kaj se oni ankaŭ hodiaŭ ne plu tiel simple rigardas la aferojn, tiutempe tamen estis bezonata granda kuraĝo k tre libera pensmaniero por tion elparoli. Lok estis konvinkita demokrato. La princo estu submetita al la leĝo. Revolucio estas laŭleĝa sindefendo de la popolo. Lok mem estis ofte aktiva kiel ŝtatisto, k tiel li povis dokumentiĝi per propraj spertoj k observoj.

Ĉu la homo estas libera? Ne, li respondas. Iu volo ŝajnas al li ĉiam determinita de alia volo k ĉi tiu lasta de iu antaŭa ktp senfine, aŭ de iu motivo, influo, instigilo, kiuj pezas iu- aŭ aliflanken. Povas ja ekzisti volo t. e. vigla k preciza deziro agi aŭ daŭrigi agadon, aŭ ĝin ĉesigi, sed tiu volo ne estas libera, ĉar opiniante ĝin tia, tio signifas, ke ĝi povus voli, kion ĝi ne volas.

Oni ja ne devas absolute samigi volon k deziron. Pro alta temperaturo oni povas deziri trinki tre malvarman akvon k tamen tion ni kutime ne faras, tial ke ni scias, ke tia trinko povus difekti nian sanon. Kio instigas nin trinki, tio estas pasio; kio detenas nin, tio estas alia pli ĝenerala k pli forta pasio, nome la deziro ne malsaniĝi, ne endanĝerigi nian vivon.



## Sub la sagoj de l'kritiko

**Al la Nova Etapo. Ekrelo, 1932. Form. 12×17 cm. 56 pĝ. Prezo: 0.50 mk. g.**

Prokrastiĝis la recenzo pri ĉi tiu verketo. Kaŭzo estas jena: La K-do, al kiu ni estis sendintaj la broŝuron kun peto ĝin recenzi, skribis jenon: „La taskon, kiun vi komisiis al mi antaŭ kelka tempo, mi ne povas plenumi, tial ke vane mi penis akiri firman opinion pri la tezoj tie prezentataj de la Lingva Komisiono de SEU k de A. Andrejev. Ĉu mi estas tiom nekomprenkapabla? Aŭ ĉu la tuta traktaĵo estas tiom nebula k sensenca? Tiun dilemon kompreneble mi mem ne povas solvi. Almenaŭ mi konfesas, ke la legado de „Al la Nova Etapo" donis al mi la tre fortan impreson, ke ĝia enhavo eliras rekte kun moderna masko el la mezepoka skolastiko. Kiam oni komparas la klarigojn pri artefarita lingvo, donitajn en tiu „Nova Etapo", kun la malnovaj el la jaro 1900 de la aŭtoro de esp-o k troviĝantaj en la *Fundamenta Krestomatio* sub la titolo *Esenco k Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia*, oni nepre devas konstati, ke la teoriuloj el SEU sukcesis nur nebuligi demandon jam tre klare prezentitan k klarigitan de Zamenhof mem ..."

Nu, sed tiu cito estas jam recenzo k ĝi eĉ tute sufiĉus por informi la legantojn pri la valoro de la verketo. Ni tamen volas ion aldoni, kio klarigos, kial la menciitaj teoriuloj misuzis sian tempon k kapablon. Helpos al tio ĵus el Moskvo ricevita traduko de artikolo, per kiu la aŭtoro mokas la ridindan emon, ekzistantan ĉe multaj Sovetianoj, rilatigi ĉion ajn al la „dialektika materialismo".

En *Ĵurnalo de Kudraĵa industrio* A. Kajurov ja diras: „Ni havas antaŭ ni la lastjaran kolekton de tiu ĵurnalo. Ĉion oni trovas en ĝi! La aŭtoroj puŝas sin en la dornejon de la historio por fronti poste al la problemo pri la novaj formoj de la vestaro, pritraktante ĝin „je marksista vidpunkto", laŭ „dialektikaj proceduj" k „sur la bazo de rigore materialisma koncepto." Kaj A. Kajurov konkludas, ke tiuj kudrajistoj multe pli efike helpus atingi, ke ĉiu sovetia civitano havu taŭgan kostumon kun butonoj forte kudritaj, se ili malpli teoriumus k pli praktike agus.

Similon oni povus konsili al la aŭtoroj de „La Nova Etapo". Sed nia konsilo estus vana: tiuj teoriuloj ne serĉas veron, ilia ĉefa zorgo estas kaŝi sian filistrecon sub partie ortodoksa masko. Kaj nur tio povas klarigi, ekzemple, frazojn kiel jenan: „La Lingva Komisiono de SEU ... proklamas sin kontraŭa al ĉiuj fetiĉaj k pure idealismaj adoradoj de la lingvo esp-o mem k traktas tiun lingvon laŭ la sole por si konvena marksism-leninisma trakto de la dialektika materialismo."

Lenin estis kontraŭulo de artefarita lingvo k sekve la „leninistoj", kiujn terurigas la penso, ke oni eble povus kulpigi ilin pro neortodokso, estas devigataj akrobate argumenti por pravigi la ekziston de esp-o, de lingvo elpensita de la „idealista" Zamenhof ...

Ni ne faras el esp-o fetiĉon (La aŭtoro de esp-o same. Oni legu lian paroladon ĉe la Ĝeneva Kongreso), sed ni almenaŭ ne timas diri, ke la gvidantoj de la laborista movado perfidas konscie aŭ nekonscie la interesojn de l' proletaro per sia malatento al la lingva problemo — problemo teorie k praktike solvita per la esp-a movado. Esp-o ne estas panaceo; ĝi estas nur ilo; tion ni jam diris antaŭ pli ol dek jaroj. Sed kion oni pensus pri gvidantoj, kiuj ne uzus skribmaŝinon aŭ aliajn similajn ilojn en sia oficejo? ..

Krom la „marks-leninismaj" diraĵoj pri lingvo internacia, la *novetapanoj* opiniis utile demonstri, ke la nuna esp-o neniel similas al la estonta tutmonda lingvo. Ĉiu ja konsentas pri tio; neniam k nenie ni aŭdis, ke ekzistas esp-istoj, kiuj asertas, ke nia lingvo restos eterne senŝanĝa. Sed kredeble niaj teoriuloj, por aspekti saĝaj en la okuloj de neinformitoj, provas kredigi pri la ekzisto de tiaj malsaĝuloj. Cetere, kiu do ne scias, ke la nuna esp-o jam ne plu estas tute simila al la lingvo de la unuaj jaroj de ĝia ekzisto? La novetapanoj ridinde do penadas por malfermi malferman pordon. En la menciita traktaĵo de Zamenhof ni citu pri tiu punkto jenon:

„Krom tio ne forgesu, ke la perfektiĝado de lingvo arta estas ebla ĝis senfineco, ĉar ĉiun bonan regulon, bonan formon, bonan esprimon, kiu ekzistas en kiu ajn lingvo, lingvo arta havas plenan rajton aligi al si, ĉian mankon, kiu povus troviĝi en ĝi, ĝi havas la rajton plibonigi k ŝanĝi, dum en lingvo natura pri nenio simila povas esti parolo, ĉar tiam lingvo natura transformiĝus jam en artan."

Ni eble jam tro malŝparis lokon por priparoli ĉi tiun skolastikaĵon. Tamen por ke la legantoj povu kiel ni akiri opinion pri la valoro de la asertoj, faritaj en tiu broŝuro, ni aldonu, ke sur la pĝ. 6 estas dirite, ke LA PLENA VORTARO, eldonita de SAT: „abundas per komentoj de vortoj, kiuj estas malaj, fremdaj k *eĉ ofendaj* por proletoj. El la vidpunkto de marksism-leninismo multaj tiuj komentoj povus esti nomitaj rekte kontraŭrevoluciaj."

Tiajn „argumentojn" ne indas diskuti...

En la princip-deklaro de la Lingva Komisiono de SEU naive estas dirite, ke la laboristaro bezonas „lingvon precipe klara". Tute prave! Sed kiom ironie tio sonas, kiam en la sama teksto oni legas 22- ĝis 26-liniajn frazojn! Tute sincere k senpasie ni certigas, ke tia teksto naskas en la cerbo nur grandan konfuzon. „Kion oni bone konceptas, tion oni klare eldiras", asertis fama aŭtoro-versisto. Estas neeble koncepti bone sensencaĵon; sed niaj teoriuloj sendube pensas: ju pli malklare ni verkas, des pli ni ŝajnos esti profundpensaj en la okuloj de la legantoj, kiuj komprenas nenion...

Estus tamen neĝuste prisilenti la fakton, ke tiu broŝuro entenas ion bonan k valoran: estas 12-paĝa artikolo de profesoro L. Jirkov kun la titolo *esperanto k la lingvoj de la mondo.* Tiu traktaĵo liveras tre trafajn argumentojn por pravigi esp-on antaŭ ĝiaj konkurantoj. Kaj la aŭtoro ne parolas pri „marks-leninismo", nek farĉis sian tekston per similaj ŝablonaj esprimoj, kiel faras la „novetapanoj." Cetere niaj legantoj povos juĝi mem, ĉar — sen la permeso de la aŭtoro k de la eldonintoj! — ni represas tiun artikolon sur la apudaj paĝoj.

Inter rubo oni iafoje trovas valoraĵojn . . . Kaj tio estu nia senkulpigo pri tio, ke ni tiom longe parolis pri tiu „Nova Etapo", kiu ja signas etapon . . . regresan en la kompreno k klarigoj pri la signifo de artefarita lingvo. E. L.

**K. Kalocsay, G. Waringhien: *Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro.* Eld. Literatura Mondo, Budapest. 1932. — 175 pĝ. Form. 12½×19 cm. Prezo: bind. 1 dol., broŝ. 0.70 dol.**

Poezio ne estas afero de l' racio, sed, kiel ĉiu arto, esprimo de genia intuicio, kreado bazita sur profundaj sentoj k animaj travivaĵoj. La poezio konkretigas procedojn tre subtilajn okazantajn en la kompleksa organismo de homa konscio, kiun emociis aparte efikaj impresoj. Neniam ĝi estas eldevigata, sed ĝi fluas facile k senpene el homaj koroj. Kaj tiel ŝajnas 'kvazaŭ paradoksa libro, kiu volas *lernigi* la arton fariĝi poeto. Nu, Kalocsay diras jam en la enkondukaj versoj: *Ni donas ĉion, krom genio.* Kaj Waringhien proze precizigas: „Mi ne intencas ... instrui la poetojn pri ilia metio, sed simple kompili k klasifiki la rimarkojn de mi faritajn dum vasta legado k kontrolitajn per longa diskutado."

Kaj laŭ tre scia maniero W. kompetente prezentas al ni la leĝojn de la versfarado en la esperanta lingvo. Estas la laboro de teknikisto, sed ĝi estas farita laŭ tre instiga k nepedanta maniero. Oni bone komprenu, ĝi neniel utilus al homo, kiu ne havas la kapablon, la talenton poezie senti k percepti. Sed kiel inspirita muzikisto devas koni pri la tekniko de sia arto por akiri altan kvaliton en sia kreado, tiel ankaŭ la talento-plena poeto profiton havos el verko, kiu sciigas lin laŭ *racia* maniero pri la metodoj de versfarado, kiuj kuŝas ĉe la fundo de lia intuicia kreado. Certe, eĉ nesciante pri metriko, ne havante ĉemane rimar-vortaron, poeto, kiu bone ellernis la esperantan lingvon, scios fari senriproĉajn versojn, k precipe — li scios trovi la al iu anima stato adekvatan metrikan formon, k la ritmon, kiu prefere konvenas por esperanta versaĵo. Tio tamen ne malnecesigas tiajn sistemajn studojn, kia estas ĉi tiu.

Rilate la punkton „neologismoj" k „poeziaj fakvortoj" mi opinias, ke W. subtaksas la danĝeron, kiun entenas la ekuzado de granda aro da novaj, nefundamentaj vortoj. Kvankam lia tezo estas bone argumentita, ŝajnas al mi, nuntempe almenaŭ, malpli domaĝe, ke la esperantistaj poetoj prenu sur sin la malorportunojn, kiuj rezultas iagrade el la malriĉo k por poezio nesufiĉe reliefiga esprimpovo de l' fundamenta radikaro, ol ke ili portu per siaj versoj plenŝtopitaj de neologismoj la

---

Esence ekzistas en la homo nur du inklinoj: la deziro ĝui k la timo suferi. Kaj eĉ oni povus diri, ke ambaŭ estas nur du flankoj de unu sama deziro.

Lok estis deterministo; sed la homo ne povas ne havi la iluzion, ke li agas libere.

Lok ĉiam studis k meditis ĝis en sia granda maljuneco k post tri jarcentoj kelkaj el liaj ideoj estas ankoraŭ aktualaj; tial li meritas ne esti tute forgesita.

konfuzon en la vicojn de l' esperantista legantaro. Cetere kiom da kunmetitaj vortoj, formitaj laŭ la Fundamento, havas ankoraŭ tute ne elĉerpitan poezian esprimforton!

Faris al la aŭtoro grandan plezuron, verki sian studon, k tio estas esence grava faktoro por la sukceso. Sendube ĝi do trovos legantaron, kiu same plezure ĝuos tiujn kompetentulajn rimarkojn, kiel ankaŭ la poezian parton verkitan de *Kalocsay*. Ĉi-lasta, ni volas parenteze rimarkigi, en sia „Arto poetika" lerte parafrazas (estus nejusta troigo diri: parodias) famkonatajn versojn el la Gete (Goethe)-a „Faŭsto".

*N. Bartelmes.*

Prof. Dr. Göhl. Ausführliche Sprachlehre des Esperanto (Detala Gramatiko de E.). F. Ellersiek, Berlin, 1932. 296 pĝ, 4.50 mk. g.

Jen verko, kies gravon oni ne povas troigi. Ĝi apartenas al la kategorio de tiuj sciencaj k metodaj esploroj, kiuj ekfloris precipe depost la granda milito, k ĝi meritas rangon inter la Wüster-enciklopedio k la Plena Vortaro de SAT. Neniam ĝis nun lernantoj ĝuis tiel detalan k ampleksan gramatikon. Ĝi liveras respondojn al ĉiuj duboj de la lingvuzo, k respondojn plejofte trafajn. Kompreneble nenia homa verko povas esti vere kompleta, k oni povas noti mankojn — ekz. la Zamenhofan uzadon de PRI prefikse (priparoli, priplanti ktp), kiun mi studis en la P. V., aŭ la uzadon de UM kun signifo de torturo (pendumi, palisumi, dekumi ktp), ankaŭ studitan en la P. V. Enestas kelkaj malĝustajoj: la uzado de tiu sama UM kun la signifo de IZ (orumi, sapumi ktp) estas pli k pli kaduka. Enestas eĉ gravaj eraroj, kiel la uzo de akuzativo post prepozicioj *ne* montrantaj direkton: „la grenado falis apud la domo*n* — tio estas metita ekster dubo*n* — ŝi metis la sukerujon inter la sinjorinoj*n*" (pĝ 128) sonas kiel barbarajoj. Sed entute samaj riproĉindajoj estas malmultaj — k la zorgo, kun kiu la aŭtoro studis la multajn tradukeblojn de *müssen, sollen, dürfen* ktp alportas grandan profiton al ĉiuj germanlingvanoj. Eĉ al alilingvanoj ĝi certe ne estos senutila, pro sia riĉa kolekto da ekzemploj, rimarkoj, konsiloj k reguloj.

Unu ĝeneralan kritikon tamen mi volas vortigi. Estas vere strange, ke esp-istoj, t.e. homoj aprobantaj k propagandantaj lingvon internacian, penegas por elpeli el sia propra lingvo ĉiujn jam internaciajn terminojn. Dum ekzistas en germana la vortoj „Gramatik, Substantiv, Adjektiv, Verb" ktp, kiujn uzadis jam de longe preskaŭ ĉiuj filologoj, d-ro Göhl sisteme anstataŭigas ilin, per propre germanaj kunmetaĵoj, inter kiuj kelkaj estas vere kuriozaj monstroj: *Mittelwort* (= mezvorto) anst. *Partizip* — *zielloses Tätigkeitswort* (= sencela agadvorto) anst. *Intransitives Verb* — *Wenfallergänzung* (= kiunkazplenigo) anst. *direktes Objekt*. Tia metodo — sufiĉe eksterordinara, por bezoni specialan klarigon en la antaŭparolo — prezentas en esp-a libro esencan kontraŭecon al la spirito k principoj de la instruata lingvo, k aliflanke tiu lingva ŝovinismo, kiu estus eble pravigebla en poezia verko, estas tute absurda en teknika kompilo. Ĝi estas bedaŭrinda makulo en tiu cetere tre bona verko.

*G. W.*

## NIA POŜTO

*L. R., Wiener Neustadt.* Via manuskripto estas tro longa por „LNE". Krome ĝi en la nuna formo ne estas presebla, ĝi bezonus prilaboron. *Lit. Sekcio.*

*8094.* — Ĉu ĉiuj tri partoj de l'sendita manuskr. estas de la sama aŭtoro? Kiel li nomiĝas? El kiu lingvo estas farita la traduko? Fonto? — *Red.*

*13 371.* — Diskutebla ĝi estas, sed ĉu akceptebla ni ne jam scias.

*7 161.* — Certe mi ankaŭ preferas la lastan. *Adm.*

## KORESPONDADO

### AŬSTRIO

S-ano Josef Reautschnig, libristo, *Zeltweg 1*, Stirio, interŝ. PI, kêl. Tre dezirataj estas PI el: Afriko, Anglio, Francio, Hispanio k nordaj landoj.

Multaj K-dinoj k K-doj (14—40 j.) atendas L, PK, PI el ĉl., pri ĉ. temoj, ankaŭ kolektive pri ekonomio k politiko. Skribu al: K-dino Elise Zöchling, *Hohenberg, N. Ö.*

K-do Emil Zach, *Blumau am Steinfeldt*, N. Ö., kêl, escepte Germanio.

### FRANCIO

K-do *A. Caubel*, 23, rue des Vieux-Remparts, *Dunkerque* (Nord), 28-j. impostisto, L, PK, kêl. Respondos.

Malakoff-a lab. esp. grupo dez. kor. kun grupo aŭ K-doj el *Sovetio, Japanio* aŭ *Ĉinio*. 6 villa Sabot, *Malakoff*, Seine.

### GERMANIO

K-do Ew. Meyer, *Cunnersdorf b. Königsstein/Sa.*, kêl, PI, PM, L, ankaŭ pri aliaj temoj. Certe resp.

Longjara PM-kolektanto interŝ. 50 div. de la Saarlando kontraŭ sama kvanto de a. 1. Unua sendo petata. Resp. gar. Adr.: K-do Alfred Richter, Geilenkirchener Str. 425, *Merkstein II* (Aachen).

15 gelernantoj dez. interŝ. PI kêl. Gek-doj. Skribu al: K-do Emil Riegsinger, Friedhofstr. 77, *Tailfingen/Wttbg.*

### HISPANIO

K-doj, „Ĉiam Esperanto", *Callosa de Legura* (Alicante), organizas por januaro ekspozicion. Sendu al ni tion, kion vi volas.

### NEDERLANDO

15 lernantoj dez. komunan koresp. kêl pri politiko. Skribu al: K-do Cor. v. Essen, Westerbeekstraat 80, *Rotterdam.*

*Adresŝanĝo.* — K-do Joh. M. Marsé, loĝas nun: Schutterstr. 14, *Leiden*, interŝ. PM.

### NORVEGIO

Nia grupo „Progreso" en urbo Hamar, dez. kolektivan koresp-adon pri ĉ. temoj kêl. Skribu al: K-do Georg Syversen, *Löten, st.*

### SOVETIO

K-do *L. Kaplan*, studento, Brjusovski per. 2, korp. A, kv. 6, *Moskvo 9*, dez. kor. kêl, precipe kun Francio, pri literaturo k arto.

K-do *A. A. Pluto*, filologo k fremdlingva instruisto, ul. Korolenko 6 6a, *Kiev*, serĉas seriozan kór-adon kun samfakanoj ĉl. pri novaj vojoj en lingvo-scienco k metodoj de instruado, interŝ. presmaterialon.

### SVEDIO

K-do Vilhelmo Dahlman, Sundby 3, *Karstad, kêl*, pri ĉ. temoj, L, PI.

K-do Henry Nilsson, Trägardsgat. 9, Ratorp, *Karlstad*, kêl, PI, PM.

---

**Al tutmonda esperantistaro!**

Lab. Esp. Societo „Antaŭen", R. Joaquim Casimiro 38, 1-o, D-o., *Lisboa* (Portugalio), okazigas la 15-an de decembro varbcelan esp. feston. Por pruvi la taŭgecon de esp-o sendu al ni multnombrajn salutleterojn k PK.

---

**KURSGVIDANTOJ LEGU!!!**

Kiuj gvidantoj de komenca kurso volas sendi al mi adresaron de siaj lernantoj por ekkorespondigi? Se mi havas tro, mi penos el ĉiu kurso kiel eble plej grandan kvanton. Kiu gvidanto de infankurso komenca povas liveri infanadresojn? Sendu senprokraste! — *Simon Aarse*. Rastengatan 15 I p. a.: Landfelt, *Sundbyberg, Svedio.*

---

**HELPU!**

La 30. decembro „Latvia Socialdemokrata Lab. Ŝirmligo" („Stradnieku Sports un Sargs" SSS) (I. Riga-a distrikto) post fermo de l'unua lingva kurso aranĝas vastan migrantan ekspozicion. Ni petas vin sendi div. propagandilojn, gazetojn, afiŝojn, flugfolietojn, salutlet., fotojn k.a. — Antaŭdankante ni ĉiam estas pretaj servi al vi. La sendaĵojn adresu jene: *Riga*, Latvio, Bruninieku str. 29 Popoldomo (Por „Ŝirmligo" 1. distrikto).

---

## Abonantoj de „S-ulo"!

**Kiel kutime finiĝas kun decembro preskaŭ ĉiuj abonoj k aktivaj membrecoj. Nia admonprocedo estas jena: Por la landoj, kie ni havas poŝtĉekajn kontojn, ni simple admonas per poŝtĉekaj pagiloj k en landoj, kie ni ne posedas tiajn kontojn, ni admonas per la konataj admoniloj. Ni ĝentile petas la abonantojn atenti ĉi tiun fakton k ĝustatempe renovigi la abonon por eviti eksped-interrompon. — Administracio.**

**REDAKTEJO: 14, av de Corbéra, Paris 12e.**
**ADMINISTREJO: R. Lehner, Kolmstr. 1, Leipzig O 27.**

Presejo: Oscar Wettig, Gelnhausen (Germanio)